XXIIIa jaro. No 322 (6) ☆ Monata ☆ Junio 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## Radio, elparolado, somerkursoj kaj jubileo.

Laŭ propono de Radio-Genève la Internacia Unuiĝo de Radio-stacioj alprenis gravan decidon en sia jarkongreso en Lausanne la 12 Majo lasta. Ĝi rekomendis al ĉiuj radiofonaj stacioj denun provi ĉiusemajnan regulan paroladon en Esperanto por la eksterlando kaj eĉ anonci ĉiutage en nia lingvo sian titolon kaj ondlongecon.

Dum lastaj tri jaroj okazis ĉefe Esperanto-kursoj ĉe tridek radio-stacioj el deknaŭ landoj. Nun venis la tempo uzi la lingvon por ke la lerno utilu. Tion jam faras regule Radio-Paris por dissendi ekonomiajn informojn kaj Radio-Leipzig pri vetero. La Internacia Unuiĝo decidis en Lausanne rekomendi al ĉiuj sekvi tiun ekzemplon por diskonigi eksterlande gravajn informojn tutmonde interesajn pri la socia, belarta, scienca aŭ literatura vivo en siaj respektivaj landoj aŭ por atentigi malproksimajn aŭdantojn pri iu aŭ alia speciale alloga programero de la venonta semajno.

Ni kore esperas, ke ĉiuj Esperanto-grupoj klopodos havigi al sia urba radio-stacio unu aŭ du sindonajn dejorantojn kun modela elparolo por helpi en tiu afero kvar- aŭ dufoje monate. La sukceso aŭ malsukceso de tiu nova grava paŝo povos havi nekalkuleblajn sekvojn por la disvastigo de nia lingvo.

* * *

Nia unueco en elparolo estas jam pli ol sufiĉa por klara interkompreno, sed ĝi povus esti, sen granda peno, ankoraŭ multe pli efektiva por kontentigi eĉ postulojn de severa eleganteco kaj plena harmonio. Ĉefe gravas tio por instruado de nia lingvo. Tiun problemon ekzamenas nia Akademio. Pri ĝi ankaŭ ekinteresiĝis la Ĝeneva Universitato, ĉe kiu nun kreiĝas diversaj fondaĵoj pri internaciaj studoj.

Ni decidis reorganizi la Internacian Instituton de Esperanto, fonditan kun aprobo de la IV-a Kongreso en Dresden 1908 kaj malfermi regulajn somerkursojn pri kaj en Esperanto en la sama domo de l' Universitato Ĝeneva, kie okazis nia unua someruniversitato en 1925. Ĉe la fino de Aŭgusto okazos tie en Esperanto kursoj pri fonetiko, elparolo, stilo, instruado kaj historio de nia lingvo kun ekzercoj kaj korektado de provlaboroj. Ili celos prepari kandidatojn al instruaj diplomoj.

Unua semajno estos dediĉita al komencantoj, dua semajno al personoj jam bone scipovantaj la lingvon kaj dezirantaj science pliperfektiĝi. Ĉar la nombro de partoprenantoj estas necese limigita, oni devos enskribiĝi kiel eble plej frue (vidu detalojn sur paĝo 14). Laŭdezire ĉiuj povos loĝi en sama hotelpensiono en agrabla situacio por kune ekzerci interparolon kaj ĝui belan naturon.

* * *

Pli grava tuj ol ĉio cetera estas ja la sukceso de nia jubilea kongreso en Danzig. Tro malmultaj partoprenantoj enskribiĝas iom frue kaj la lokaj organizantoj ne scias kiel bazi preparon sur nuraj supozoj pri nombro.

Krom la granda jubilea ceremonio okazos aparta kunsido pri elparolado kaj rimarkinda someruniversitato entute dediĉita al gravaj unuecigaj tendencoj de la internacia vivo en scienco, tekniko, ekonomio kaj juro laŭ la propono de D-ro Zamenhof en Cambridge. Plie la urbo mem estas unu el plej pentrindaj en Eŭropo kaj apuda marloko Zoppot estas fama kiel ripozejo. Per ŝipo la vojaĝo estas tre malkara kaj devus allogi multajn samideanojn. Ni tre ŝatos ilin renkonti.

*Edmond Privat.*

 EKONOMIO 



# Frankfurt am Main



La antikva Frankfurto, foje nomita en dokumentoj de la pasinteco — La koro de Eŭropo — aŭ — Ĉefa transitloko de Merkuro — ankaŭ — Foira Urbo de la Muzoj — estas tiu ŝatinda parto kun dometoj, anguloj, stratetoj profunde kaŝita en la Nova Urbo. Ĝiaj frontonoj estas superataj de la svelta turo de la katedralo, en kiu okazis la solenaj kronadoj, de la patina oksidverda kupolo de la Paŭl-preĝejo, desur kiu brilas la ora kruco kaj en kiu dum la jaro 1848 kunvenis la parlamento sub la respublikana standardo. Ĉiu promeno tra la Frankfurta malnova urbo ekvekas ĉiupaŝe la memorojn pri la pasinto germana. Kiu transpasas la Römerberg, (Roma Monto) eble unu el la plej belaj antikvaj urbplacoj sur germana tero, tiu pensas al la solenaj popolfestoj tie ĉi okazintaj dum la kronadoj, dum kiuj la malnova fontano de la justeco elspruĉis ruĝan kaj blankan vinon; dume ĉe la bova kuirejo tuta bovo estis rostita. Post kelkaj paŝoj oni atingas la Majn-on kaj oni troviĝas antaŭ la Saalhof la plej antikva kaj honorinda placo de la urbo, parto de la iama palaco de Karolo la Granda, la fondinto de la urbo. Transe en la strato Grosser Hirschgraben staras la gepatra domo de Goethe, tiu ĉi eŭropa animo. La larĝa zono de la promenadoj, komencanta kaj finanta ĉe la Majno, troviĝas sur la antaŭaj remparoj de Antikva Frankfurto kaj limis la iaman Liberan Urbon Imperian.



*Antikvaj historiaj domoj en la malnova urbo (Römerberg)*

Tamen ankaŭ la nova urbo, kiu dankas sian vastspacan konstruon al la progresema urbestro Adickes, havas karakterizan belecon. Krom la tute bonega situacio geografia tiu ĉi urbo posedas ĉarman pejzaĝon ĉirkaŭ si. Facile atingebla en la proksimeco troviĝas la Taŭnus-montaro kun la mirinde kurvitaj altaĵoj. Ĝiaj banlokoj Homburg vor der Höhe, Königstein, Cronberg, Wiesbaden kaj Nauheim ĝuas pravan reputacion tutmondan. Amiko de l' montaro havas elekton por viziti ĉirkaŭ Frankfurto la Rhön, la Spessart, la Vogelsberg kaj la Odenwald. Bonegaj komunikoj kondukas de Frankfurt al la Nigra Arbaro, al la Bavara Montaro aŭ al la Virtemberga Alpo.

Precize la geografia situacio de la malnova Majn-urbo kaŭzis ĝian grandan komercan reputacion. Ambaŭ instigis, ligante al pli ol miljara tradicio, la revivigon de la Internaciaj Foiroj Frankfurtaj. Sur la Placo de la Respubliko, la plej bela grandurbo-placo laŭ ĝardenarta aranĝo, ankaŭ kreita de la iama urbestro Adickes,



*Preĝejo St. Leonardo*

etendiĝas la ampleksa foira tereno kun la grandaj haloj, la domo de la modoj, la festhalo kaj la domo „Offenbach“, kiu enhavas la administracion de la foiroj. Tra la peza kriza epoko de la germana ekonomio la foiro rezistis dank' al persista laboro. Jam la Aŭtuna Foiro 1926 sentigis rimarkeblan refortiĝon. La Printempa Foiro 1927 montris samtempe kun la resaniĝo de la tutlanda ekonomio ankaŭ la propran. Antaŭ ĉio estis denove la teksaĵa foiro, la ĉefaĵo de la tuta foira entrepreno, vizitata de en- kaj ekster-lando tiom bone, ke ĝi plenigis komplete la grandan larĝan Domon de la Modoj. Sed ankaŭ la aliaj branĉoj, ŝuo kaj ledo, mastrumad-artikloj, galanterio, ledaĵoj kaj mebloj estis bonege reprezentitaj. La konstru-foiro okupis sub la titolo „La nova loĝejo kaj ĝia Interna finaranĝo“ ĉiujn salonojn de la grandega festhalo.



*Saalhof, Malnova Kastelo de Karolo la Granda, el 8-a jarcento*

La tradicio de la Frankfurta Foiro rekomencas, tion pruvas ankaŭ la aliĝoj por la venonta Aŭtuna Foiro, jam multnombre alvenintaj. Ĉio pruvas, ke la Foira Urbo Frankfurt, troviĝanta meze de la eŭropa komerco kaj trafiko, reakiris post malfacila tempo sian pravigitan rekonon. *H. J.*





*Artmetia Domo „Werkbund“*

# Ŝer ŝarĝveturilo kaj foira ŝipo

## Foiro, komerco kaj trafiko de Frankfurto en Mezepoko

De *Hans Pfeiffer*

En antaŭaj tempoj veturis ĉiusemajne foira ŝipo inter Offenbach, Hanau kaj Mainz, la najbar-urboj de Frankfurto a. M. La foira ŝipo de Mainz ĉefe dum la foiroj mem estis plej grava. Certe estis varioplena societo, kiu kuniĝis dum tiuj veturadoj. En la „foir-ŝipoj" kaj „ŝarĝveturiloj" la du komunikiloj, multe uzitaj dum la foiroj oni faris multajn glosojn kaj rilate obscenaj anekdotoj oni eĉ ne estis tre retenema. Tiel Jörg Wickram citas proverbon el tiu tempo, kiu tekstas: „Silentu, Minjo, tio nur konvenas sur la ŝarĝveturilo kaj en la foir-ŝipo." Tiu burleska poeto kaj urba skribisto de Burgheim tamen opinias, ke tiu ĉi vorto ne estas tute justa, ĉar multfoje okazas, ke fertaj, honorindaj virinoj, ja eĉ fraŭlinoj veturas per la ŝarĝveturilo aŭ la ŝipo.



*Foira privilegio de Ludoviko la Bavaro en 1337*

„Foira ŝipo aŭ interparolo de foir-ŝipistoj de l' foiro de Frankfurto" (1596) kaj „La foirŝipa barko, en kiu oni alportas, kio postrestis en la laste forveturinta foirŝipo" estas nomitaj du burleskaĵoj de nekonata poeto Marx Mangold. La unua verkaĵo bazas ĉefe sur la priskribo de l' Ĝeneva scienculo Henricus Stephanus „La Merkato de Frankfurto aŭ la Frankfurta Foiro." El ambaŭ kaj el alia fonto oni povas ĉerpi impreson pri la vigla interrilataro, la granda movado, la komerco kaj trafiko dum la foir-tempoj de Frankfurto.



*Römer (Roma Domo)*

La plej diversaj komercaĵoj venis per la foir-ŝipo sur la Majno. Butero kaj fromaĝo el Holando, ŝinko kaj lardo el Vestfalio, harengoj, fumaĵitaj fiŝoj kaj moruo el Hamburgo. Nutraĵoj de ĉiu speco, spicaĵoj kaj drogoj, sukero kaj frandaĵoj estis la ŝarĝo de l' ŝipo. La poeto rakontas:

Ja, ĉiun varon vidas vi,
Kiom eĉ fremda estu ĝi.
Kion elpensis homa kono
Havebla ĉio, jen, por mono.
Kaj praviĝas tie l' onidiro,
Ke Frankfurt estas ĉef-foiro.

La unua versaĵo de Mangold havas la formon de gaja dialogo. Negocisto pri okulvitroj petas de studento, kiu kunveturas en la ŝipo, detalan informon pri la foiro de Frankfurt kaj diskonigas iom da propra scio pri tiu ĉi temo. Kiuj komercaĵoj, pri kiuj oni negocas en Frankfurt estas nomataj de li!

En Frankfurt, diras la poeto, ĉio estas havebla, kion reganto bezonas *por ekipi armeon:* armilaro, defendiloj, armaĵoj kaj municio. Ĉefe elstaras la laborejoj de Brunsvigo kun belaj pafiloj, grandaj kaj malgrandaj armaĵoj. Sur la „Rossmarkt" kaj en la staloj de l' urbo junaj ĉevaloj, sovaĝaj kaj malsovaĝaj el ĉiuj germanaj landoj kaj la fremdlando estas montrataj por aĉeto. Danujo, Polujo, la Valaĥio, Hungarlando kaj Turkujo sendis bestojn de ili breditajn. Bona ĉevalo kostas 200—300 kronojn.

Ankaŭ la „foiro de teksaĵoj", kiel ni dirus hodiaŭ, floradas. Tie oni trovas ĉion, „kio estas necesa por malhumileco kaj pompo", belegajn drapojn, delikatajn veluron kaj silkon, riĉornamitan brokaton. La plimulto de l' „Silko-mastroj" loĝas en la „Hotelo de Nurnbergo". Ke nelojala konkurenco estas la ĉefa malbono de l' komerco, pruvas citaĵo de alia poezio. Ĝi aperis en la jaro 1615 kaj havas la titolon: Diskuto pri la foiro de Frankfurt dum ĝiaj ĉiuspecaj komercistoj, bonaj kaj malbonaj." Tiu ĉi detalega anonima rimaĉaro, kiu havas seriozan, kulturhistorian, sed tute ne artan valoron, parolas pri fuŝado de silko. Oni ankaŭ trovas falsitan silkŝnuron en la komerco. „Interne ĝi estas fadeno nur." Sed se la aŭtoritato kaptas tian silkon aŭ falsan marokenon, tiuj komercaĵoj estas portataj al la „Römerberg" (placo antaŭ la historia urbdomo) kie ili estas publike bruligataj „por vido de ĉiu." „Ĉiun spicaĵon miksitan kun polvo" kaj, „ĉiun putran, falsan varon" oni devus tiel pritakti, diras la kritiko severa pri komercreguloj.

En la malnovaj foiroj ankaŭ la art-metio estis riĉe reprezentita per altvaloraj braceletoj, ĉenoj kun maldiketaj membroj, brilegantaj juveloj, perloj kaj juvelringoj. Inter la arĝenta juvelaro unuavice troviĝis luksegaj trink-vazaroj, kiuj per sia beleta formo, per juvel-enmetaĵo kaj or-ornamo varbis aĉetantojn. Sed ne nur tiaj artistoj laboraĵoj, kiuj servis al plej granda lukso, estis haveblaj en la mezepoka foiro de Frankfurt, sed ankaŭ praktikaj iloj kaj meti-ilaro „el ĉiuspeca metalo.“ Tiel Henricus Stephanus kaj, kune kun li Marx Mangold kun miro mencias la unuan permanan muelilon kaj la turnrostilon en la rimo:

Mirinda eltrovo,
Ke la rostaĵo turniĝas
Per propra movo!

En ĉiu foiro ekaperis tiaj novaĵoj. Ĉio „Kurioza“ kio estis eltrovita kaj farita en Nürnberg aperis en Frankfurt dum la foira tempo. Komercistoj de Augsburg, Ulm kaj Strassburg konkuris en la farado kaj ekspozicio de belaj, artistaj horloĝmekanismoj. Ankaŭ la kleriga arto estas riĉe reprezentita en la foiroj de l' mezepoko. Pentraĵojn, ĉefe el Nederlando oni ofertas en tiu ĉi art-foiro. Delikataj glasoj respeguligas faceton kaj koloron en la aŭtuna suno; veneciaj glasoj trovas specialan admirantaron. Krom tio oni elmontras ankoraŭ ĉiuspecajn artobjektojn el argilo kaj vakso.


*Memoraĵoj al la „Fajfista Tribunalo“*

Kiel ĉefan avantaĝon de l' foiro de Frankfurt la siatempaj verkistoj mencias, ke en ĝi oni ne vendas per prezopuŝado, kiel estas „fremdlanda kutimo“; ke la judoj neniel malutilas al la foiro, sed kiel monŝanĝistoj faras bonan servon. Kaj pro tio ankaŭ estis sub aparta ŝirmo de l' aŭtoritatoj.

En la laŭdo pri la *librokomerco* de Frankfurt Stephanus kaj Mangold estas konformaj, ĉar la priskribo de Mangold ja esence bazas sur la raporto de l' Ĝeneva scienculo. La foirtagoj de tiu tempo fakte ankaŭ estis tagoj de konferencoj de la internacia intelektularo. „Treege famaj doctores“ kaj profesoroj el Marburg, Leipzig, Wittenberg, Tübingen, Basel, Heidelberg, Leuwen (Brabanto), Ochsenfurt (Oxford, Anglujo), Padova (Italujo), Genova kaj Paris ĉeestis dum la foiro. Ankaŭ multe da eksteraj „skribuloj“ venis al nia urbo, kiu siatempe posedis 8 presejojn. La „Diskuto“ (1615) ankaŭ laŭdegas la librokomercon kiel unu el la plej noblaj metioj, kiu ne konas uzuron. Malgraŭ ĉio, tiel ĝi plendas, homoj sen skrupulo malbonuzas la belan arton. La poezio do jam antaŭ 312 jaroj furiozas kontraŭ la literaturaĉo t. e. „kontraŭ insult-kartoj, senhontaj libraĉoj kaj mensogoj.“

Treege interesa estas tio, kion la poeto de l' „Foirŝipa barko“ anoncas pri la mon- kaj pagsistemo de tiu tempo. „Foirŝipa barko“ estis barko, per kiu oni postsekvis la ĉefan ŝipon, se oni estis maltrafinta. La poeto ĝin uzis „ĉar la mon-kontrolo min retenis.“ Per mandato oni siatempe „taksis“ la monon de l' regno kaj bojkotis „la malbonajn specojn.“ Oni tiel do sciiĝas pri tio, ke jam en la jaro 1597 ekzistis valuto-spekulaĉuloj. Ĉar depost kelkaj jaroj „per strangaj praktikoj“ oni kontrabandis la plenvaloran regnan monon en la eksterlandon kaj „la fremda, malbona mono restis en la regno.“

Dum „pagsemajno“ vigla vivo regas en Frankfurto. Nun oni devas pagi aŭ oni havas malfacilaĵon! Se oni ne pagas je la pagdato, tiam la kredito perdiĝis. Por la pagsemajno oni dissendas konto-resumojn. Post du, tri tagoj oni ekserĉas la pagantojn; kelkaj el ili ne estas troveblaj, aŭ devas mem atendi pri mon-eniro. Kelka disputo pri valuto aŭ kalkulo ekestas. Kiam la sumoj de l' kreditoroj kaj debitoroj enskribitaj en la libroj ne konformiĝas, tiam arbitraciantoj estas vokataj por decidi pri la afero. Okazas ankaŭ fakta aŭ trompa bankroto.

Se ruze kaŝis vi trezoron
Ne malpli havos vi honoron.
Neniu diros, ke vi ŝtelis,
Sed, ke estis nur je kelka fojo
Bonelektita via vojo.

Jen, pri tiu ĉi temo, la gloso de l' poeto, kiu, kiel pruvas liaj viglaj kaj plensangaj priskriboj, estis saĝa infano de sia tempo. Per okuloj de humoristo li rigardis la vivon de Frankfurto, facilplume skizis ĝin en siaj foir-poeziaĵoj kaj postlasis al ni, vivantaj hodiaŭ, netakseblan dokumentadon pri jam de longe forpasintaj tempoj.

Tradukis el la germana lingvo
*Rob. Kreuz,* L. K.

---

**Ne prokrastu ĝis morgaŭ**
**kion vi povas fari hodiaŭ:**
**sendu al ni hodiaŭ**
**vian aliĝon!**



# LITERATURO



## Trakonsiloj pri vortfarado

de *Ronsard*, trad. *Edm. Privat*

(El antaŭparolo al poemo „Franciade", de Ronsard, fondinto de l' moderna franca poezio (1525—1586)

Plie mi volas instigi vin ja saĝe kuraĝi kaj eltrovi novajn vortojn, nur kondiĉe ke ili estu formitaj laŭ modelo jam akceptita de l' popolo. Estas tre malfacile bone verki en nia lingvo, se ĝi ne estos pliriĉigata ol ĝis nun per vortoj kaj diversaj esprimiloj. Kiuj verkas, tiuj bone scias pri tio, ĉar estas tre ĝene uzi ĉiam unu vorton.

Malfeliĉa estas la ŝuldanto kiu havas nur unu specon de moneroj por pagi sian kreditoron. Krome, se malnovaj vortoj, falintaj el uzo, lasis ian postkreskaĵon, same kiel trancitaj branĉoj renoviĝas per junaj rekreskoj, vi povos ĝin vinberumi, ĉirkaŭtranĉi kaj kulturi por ke ĝi denove remultiĝu, ekzemple *lobbe*, malnova franca vorto signifanta mokon aŭ priridon. El la substantivo vi povos elfari la verbon *lobber*, signifonta moki aŭ priŝerci kaj tiel milope per sama maniero.

Tre atentu kaj vingardu — krom sub granda devigo — ke vi ne uzu la vortojn finantajn per *ion* pli ol tri aŭ kvarsilabajn, kiel *abomination, testification;* ĉar tiaj vortoj estas longemaj, sonas tireme kaj — eĉ pli grave — okupas peze la duonon de unu verso.

Estas tute alia afero skribi en lingvo floranta, nune uzata de popolo, urboj, vilaĝegoj kaj civitoj, kiel viva kaj natura, aprobata de reĝoj, princoj, senatanoj, vendistoj kaj trafikantoj, anstataŭ verki en lingvo mortinta, muta kaj entombigita sub la silento de tiom da jarspacoj, ankoraŭ nur studata en lernejoj sub vipilo per lego de libroj. En tiaj mortintaj lingvoj ne estas permeseble ion ajn novigi. Ili perdis la favoron kun la tempo, perdis aprobon de imperiestroj, reĝoj, magistratoj, urboj, kvazaŭ mortintaĵo, kiu malaperis en fluo de l' jaroj, kiel okazas pri ĉiuj homaj aferoj: ili mortas, maljunaj, por cedi lokon al aliaj, sekvantaj kaj novaj: ĉar se la naturo estas ĉiam tiel malavara je siaj riĉaĵoj al du aŭ tri nacioj, tio tute ne estas kaŭzo kial ĝi ne volas konservi ankaŭ trezorojn por la postaj same kiel por la unuaj.

En tiaj lingvoj forpasintaj kaj mortintaj (kiel mi jam diris) oni povas nenion iniciati kvazaŭ ili kuŝus en tombo kaj rezignus sian rajton favore al vivantaj lingvoj, florantaj ĉe imperiestroj, princoj kaj urbestroj kiuj parolas tute nature, sen instruistoj, kiel permesas uzado. Ankaŭ la uzado permesas en simila maniero la komercadon kaj trafikadon de moneroj dum certa spaco tempa. La sama uzado ilin forigas ankaŭ laŭvole. Tial oni ne miru aŭdante novan vorton, ne pli ol vidante ian novan taleron, florenon, dukaton ktp. Tia monero, ĉu ora, ĉu arĝenta, ŝajnas stranga en la komenco: poste la uzado mildigas kaj hejmigas, akceptigante ĝin, donante al ĝi aŭtoritaton, kurzon kaj krediton. Fine ĝi fariĝas tiel komuna kiel niaj kapetoj kaj eskudoj sub la suno.

Vi estu tre zorgema en kunmetado de vortoj kaj ne faru ilin hazarde, sed el saĝa juĝo, kio estas la plej bona parto de l' homo, kiam ĝi estas klara kaj ne simikonfuza aŭ koruptita per la monstraj imagoj de tiuj kortumaj sentaŭguloj, kiuj emas ĉion korektaĉi.

---

## Lojala Poŝtisto

de *Mark Twain.*

Trad. *Edm. Privat.*

(El „Tom Sawyer eksterlande", angla verko de la fama usona humoristo Mark Twain).

Vidu. Jen kiel okazis la vojaĝo de Nat Parson. Kiam li komencis ofici kiel poŝtisto kaj estis ankoraŭ tute freŝa en la metio, alvenis iam unu letero por iu, kiun li ne konis, kaj estis neniu tiel nomita persono en la vilaĝo.

Nu, li ne sciis kion fari aŭ kiel agi, kaj jen la letero restis kaj restadis, semajnon post semajno, ĝis kiam la nura vido de ĝi lin malsanigis. La afranko sur ĝi mankis kaj tio estis ankoraŭ plia zorgo. Ekzistis nenia rimedo por kolekti tiujn dek cendojn kaj li supozis, ke la registaro lin igos respondeca pri ĝi kaj plie lin eble fordungos kiam oni ekscios, ke li ne kolektis ĝin.

Nu, fine li ne povis ĝin toleri plu. Li ne povis dormi noktojn, li ne povis manĝi, li malgrasiĝis kiel ombro; tamen ne kuraĝis demandi ies konsilon, pro timo ke la persono, kiun li demandus, eble malamikiĝos iam kun li poste kaj sciigos la Registaron pri la letero.

Li enterigis la leteron sub la planko, sed tio ne helpis: se li vidis iun staranta super la loko, ĝi kaŭzis al li timtremojn kaj ŝarĝis lin je suspektemo; kaj li dum la nokto atendadis ĝis la urbo estis tute silenta kaj malluma, tiam li alŝteliĝis tien kaj elterigis la leteron por ĝin aliloken kaŝi.

Kompreneble, iom post iom, homoj komencis eviti lin kaj balanci la kapon flustrante unu al alia, ĉar el la maniero laŭ kiu li aspektis kaj agis, ili

juĝis, ke li certe mortigis iun aŭ faris ili-ne-sciis-kion. Se li estus fremdulo, ili ja linĉus*) lin.

Nu, kiel mi ĵus diris, li ne povis toleri ĝin plu. Tial li decidis vojaĝi al Washington kaj simple iri al la Prezidanto de Usono kaj elbrustigi la tutan aferon, ne kaŝante eĉ detaleron, kaj tiam elpoŝigi la leteron kaj ĝin almeti sur tablon antaŭ la tuta registaro kaj diri: „Nun, jen ĝi — faru el mi kion vi volas; kvankam, ĉar juĝas min ĉielo, mi estas senkulpa viro ne meritanta la plenan punon de la leĝo, kaj lasonta post mi familion, kiu devos malsati kaj tamen havis nenion por fari kun ĝi. Ĝi estas la vero kaj mi povas ĵuri pri tio"!

Tiel li faris. Unue li havis iom da vaporŝipado, poste kelkan poŝtveturadon, sed por la tuta cetera vojo li devis rajdadi sur ĉevalo. Fakte daŭris tri semajnojn ĝis li atingis Waŝingtonon. Li vidis kvantegon da lando, kvantegon da vilaĝoj kaj kvar urbegojn. Li entute forestis preskaŭ ok semajnojn kaj neniam en la vilaĝo estis iu tiel fiera viro ol li, kiam revenis.

Lia vojaĝado igis lin la plej fama homo en la tuta regiono, kaj la plej priparolata. Eĉ homoj alvenis el tridek mejloj malproksime en la lando, eĉ el trans la Illinoisaj fundoj, nur por lin vidi. Jen ili staris kaj rigardadis, kaj li rakontadis. Vi neniam ĉeestus ion similan. . .

Nu, se mi bone memoras, okazis al li tiel:

Li alvenis en salto al Waŝington, ligis la ĉevalon kaj tuj rapidis al la Prezidanta domo kun la letero. Tie oni diris al li, ke la Prezidanto estas for en la kapitolo**) kaj tuj veturonta al Philadelphia — eĉ ne unu minuton perdindan se li volus kapti lin. Nat preskaŭ ekfalis pro la bato. Lia ĉevalo estis for en ĉefalejo kaj li nesciis ja kion fari. Sed ĝuste preterpasas jen negro gvidanta malnovan veturilaĉon kaj li ekvidas sian ŝancon. Li elkuras kaj ekkrias:

„Duondolaron se vi portos min al la kapitolo en duonhoro kaj kvarondolaron plie se vi faros ĝin en dudek minutoj".

„Farota", diras la negro.

Nat ensaltis kaj batfermis la pordon, kaj for ili veturis, ruliĝante kaj flugante sur la plej malglata strato imagebla, kaj la radbruado sonis terure. Nat pasigis siajn brakojn tra la truoj kaj alpendiĝis por vivo kaj morto, sed tre baldaŭ la ĉaro frapis rokon eksaltis en aeron kaj la fundo forfalis. Kiam ĉio revenis teren, la piedoj de Nat staris jam sur la strato mem kaj li ekvidis, ke lin minacas la plej senespera danĝero se li ne sukcesos postkuri la restaĵon de la veturilo. Li terure timis, sed li ekpenis per tuta forto kaj preme pendis per la brakoj kaj igis siajn krurojn kiom eble flugi. Li kriegis kaj eĉ blekis al la negro „haltu"! Kaj same faris la popolamasoj survoje, ĉar ili povis ja vidi liajn krurojn rapidegantaj sub la veturilo kaj — tra la fenestroj — lian kapon kaj ŝultrojn baraktantaj interne kaj ili komprenis la teruran danĝeron por li. Sed ju pli kriegis ili ĉiuj, des pli la negro vipis la ĉevalojn antaŭen kaj diris: „Ne timu — mi promesis vin alvenigi tien ĝustatempe, moŝtoj, mi sukcesos, estu certa"! Ĉar, vidu, li kredis, ke ĉiuj lin urĝigis kaj kompreneble li tute nenion povis aŭdi pro la radkrakado.

Kaj tiel ili kuregis, kaj ĉiuj en strato frostiĝis pro la vidoj, kaj kiam ili atingis la kapitolon, ĝi estis fine la plej rapida veturo iam farita kaj ĉiu konfesis tion. La ĉevaloj haltis kaj Nat falis teren, preskaŭ senvestigita, kaj oni lin eltiris tiam kaj li estis ĉiel en polvo, en ĉifoj kaj nudpieda, sed li alvenis ĝustatempe, kaptis la Prezidanton kaj donis al li la leteron, kaj ĉio estis en ordo, kaj la Prezidanto donis al li senpunan pardonon tuje, kaj Nat donis al la negro du kvarondolarojn anstataŭ unu, ĉar li ja konsciis, ke, sen la veturilaĉo, li ne estus alveninta ĝustatempe kaj eĉ iel ajn proksime.

*) Usona vorto „lynch" angle signifas ŝtonmortigi aŭ amasfrapadi kiel blankaj popolamasoj faras foje al negroj kulpigitaj.

**) Parlamentejo usona.



## Amo ĉiama



Nia amo estis dolĉvelura
Kiel suka karno de persiko
Dum ni june nestis en matura
Kampo de tritiko.

Kun zefir' babila de l' vespero
Vete mi karesis viajn harojn
Dum spegule portis la rivero
Viajn dudek jarojn.

Sed la tempo per ĵaluza dento
Ĉarmojn ŝiris post rikolt' somera;
De l' virin' plej forta argumento
Estas efemera!

Nun vi time, sorton-antaŭsente
Min observas kaj demandas ŝtele:
„Ĉu dum vintro ankaŭ, vi konsente
Amos min fidele?"

„Certe, jes! — Ni restos geamatoj!
Ĉar vi tiel senkompare fritas
Kolbasetan farĉon en tomatoj,
Ke . . . mi ne hezitas!"

*Raymond Schwartz*

En la Maja numero ni represis sur paĝo 98 (14) bildon montranta *„Gänshäufel"*. La urba Gänshäufel ĉe tre larĝa brako de la Donau estas grandega bordbanejo de la urbkomunumo Wien laŭ mara stilo kun restoracio sur iama sabloinsulo. Je varmegaj somertagoj ofte samtempe banas ĉirkaŭe 20000 personoj. La bildo montras la insulon, tute ĉirkaŭata de la grandampleksaj banejoj.

# Historio de Esperanto

El la dua volumo de *Edmond Privat*



Hirt & Sohn en Leipzig nun presigas la duan volumon de la „Historio de Esperanto". La unua temis pri 1887—1900, ĝi enhavis dekdu ĉapitrojn; la dua parto estas pli ampleksa, kun tridek ĉapitroj pri la periodoj de 1900—1927.

Inter la priskriboj estas la *propaganda periodo*, la *diskutoj en Boulogne*, la fondo de *Lingva Komitato*, la kreo de *Centra Oficejo*, la fondo de *UEA*, la *organiza batalado*, la *dummilita kaj postmilitaj epokoj*, la *kontrakto de Helsinki*, la *amaskongresoj*, *Esperanto en lernejoj*, *ĉe laboristoj*, en *komerco*, en *radio*, en *scienco*, en *telegrafio*, la *literaturo*, la *evoluo de la lingvo* ktp.

Aparte detalaj estas la ĉapitroj pri la *Delegacio 1907* kaj pri tio, kio okazis en la kulisoj de la *Ligo de Nacioj* en 1922 kaj 1923.

La lasta ĉapitro pri la 40-jara jubileo enhavas la jenan konkludon:

En 1927, dum la Deknaŭa Universala Kongreso en Danzig, Esperanto festos sian kvardekjaran jubileon. Jam du generacioj de homoj ĝin lernis, uzis aŭ propagandis. La granda plimulto de la esperantista publiko en 1927 apartenis al la dua generacio, ĝenerale nomita „postmilita". Ĝi ne konis D-ron Zamenhof kaj lernis la lingvon el la buŝo de instruantoj, kiuj ankaŭ mem ĝin akiris de kursoj pli ol de libroj. Preskaŭ ĉie regis la parolo multe pli ol la skribo.

La tradicio jam estis tiel forta, ke ĉiuj lernolibroj povus esti detruitaj sen ia domaĝo al la lingvo mem. Ĝian fundamentan sistemon oni plene retrovus aŭskultante la homojn paroli kaj notante la uzatajn formojn, kiel oni faras por iu ajn lingvo de neesplorita regiono. La vivo jam plene liberigis Esperanton de la papero aŭ teorio.

Pro tio ĝi jam fakte apartiĝis de la idea „mondlingva movado" kaj ĝia historio fariĝis tute sendependa de tiu studado aŭ komparo de artefaritaj lingvaj sistemoj. Estas rimarkinde, kiel eksteraj lingvistoj konstante malfruis je la faktoj. Kiam Esperanto ĝis 1907 apartenis al tiu mondlingva diskutado, ili ankoraŭ ĝenerale neis la eblecon de tia lingvo. Dudek jarojn poste, kiam ĝi vivis jam delonge sian tute apartan kaj propran ekziston, ili komencis interesiĝi pri la mondlingva teorio.

Kion faros ĉiuj lingvistoj post novaj dudekjaroj, nome ekzameni tute science ankaŭ sur tiu kampo la faktojn de la vivo, tion entreprenis nur kelkaj, malmultaj, kiuj lernis Esperanton kaj publikigis valorajn studojn pri la evoluo de ĝia fraza vortordo (Profesoro Collinson, Liverpoola Universitato), aŭ la uzo de ĝiaj sufiksoj (Profesoro Aymonnier, Parizo). Psikologia scienculo (Profesoro Flügel, Londona Universitato) komprenis ankaŭ post funda lerno de Esperanto tiun esencan fakton, ke ĝi reprezentas ne nur lingvon, sed antaŭ ĉio gravan homan kaj socian fakton.

La ĉi nuna libro, tiom resuma kaj ne kompleta, almenaŭ ilustras tion per si mem estante foje pli movada ol lingva. Efektive la Historio de Esperanto nepre ligiĝas al tiu de ĝia popolo, kies unueco kaj vigla interna baraktado estis necesaj por „doni animon al la lingvo" kaj krei al ĝi vivan centron, el kiu ĝi disflugu al eksteraj uzoj kaj fakoj.

Dum la antaŭmilita epoko la esperantistaro estis kvazaŭ komunumo stariganta grandan eksperimenton. La eksperimento sukcesis. Postmilite la esperantistaro fariĝis kvazaŭ modelo de homaro pli bone organizita ol la cetero laŭ lingva vidpunkto. Ĝi tenis en siaj manoj potencan ilon de internacia interkompreno. La mondo neniam scios kiom labori kaj pacienci devis miloj kaj miloj da modestaj homoj sur la tuta terglobo por sukcesigi tiun grandiozan verkon, la tutmondan funkciadon de komuna facila helplingvo.

Ĝi reprezentas nekalkuleblan sumon da homaj ofero, amo, sindono, klopodado kaj talento komencante per la genia prilaboro de Zamenhof. Estas dubinde ĉu tiu nemezurebla spirita kapitalo povus amasiĝi, se la fondinto estus nura lingva majstro. Kio kaŭzis kaj subtenis tiun unikan movadon, tio estas antaŭ ĉio la potenca morala motivo, kiu inspiris unue la iniciatinton kaj poste la adeptaron. Forta senta blovo donis vivon kaj flugilojn al la tuta afero. Kiu provus ĝin klarigi nur per konsideroj gramatikaj, tiu rakontus fundamente malveran kaj erarigan historion.

Esperanto estas natura reago ne nur kontraŭ la materiaj, sed pli vere kontraŭ la spiritaj baroj inter la popoloj. En esprima formo, ĝi reprezentas ilian sopiron al homara unueco kaj egaleco intergenta. En Azio idealistaj elitoj vidas en ĝi la lingvon neŭtralan, puran je ĉiu diplomata aŭ politika influpotenco. Turismo kaj trafiko fine ĝin ekuzis, sed homarsento ĝin vivigis longe antaŭe.

# *La Aventuro de S-ro Marako*)*

Trinidada Popol-fabelo

Unufoje S-ro Galibano, la buteo-falko, invitis la tutan birdgenton regaliĝi ĉe lia domo en Nublando, kiu estas je kelka distanco malproksima de la tero. Nu, S-ro Marako estis bona amiko de la kortbirdoj, anasoj, kaj kolomboj vivantaj proksime de li; kaj ĉar li demetis ovojn same kiel tiuj birdoj li havis la opinion, ke li estis kvazaŭ kuzo de ili, kaj lin multe ĝenis ke oni ne invitis lin.

La birdoj konsentis, ke ĉar maraka ovo tre similas al tiu de kortbirdo, ili eble lasos lin iri kun ili. Sed konsiderante ke li ne havis flugilojn, kiel do li povis atingi la domon de S-ro Galibano en Nublando?

Tamen, ĉar li estis amika proksimulo, ili volis esti afabla al li, kaj ĉiuj pruntedonis al li po unu plumo por ebligi al li flugi kiel birdo kaj tiel atingi la domon. Vi devas memori, ke tiutempe li ne estis malgracia kiel nun.

La kompanio petis kanti F-inon Pavinon, kiu portis brilegan veston similan al tiu, kiun nun portas sole S-ro Pavo, kaj ŝi volonte faris tion. S-ro Marako, stulta kiel ĉiam, konfesis, ke ŝia vesto estas brile alloga, sed diris ke ŝia voĉo estas terura.

Ĉiu scias, ke la voĉo de pavo ne estas tre dolĉa, sed se la marako estus saĝa li scius, ke ne ĉiam estas saĝe eldiri kion oni pensas.

Fraŭlino Pavino estis la favoritino de ĉiu el la junaj virseksaj birdoj, kaj kompreneble ili koleriĝis aŭdinte la insultan rimarkon de S-ro Marako. La kompanio rompiĝis kaj la birdoj reprenis siajn plumojn de la testudo kaj lasis lin en la terura stato de senpovo reatingi la teron.

Li tre bedaŭris sian diron kaj la okaze ĉeestanta S-ino Araneo proponis ŝpini fadenon per kiu li povu reiri al Patrino Tero.

La marako estis tre suspektema pri tio, ĉu la silka fadeno de la kompatema araneo ne disŝiriĝos sub lia pezo; sed ĉar tiu estis lia ununura ŝanco li komencis vojaĝi malsupren.

Ho, ve! kiam li estis preskaŭ ducent futojn de la tero la delikata fadeno ŝiriĝis kaj li falis tiel fortege sur la grundon, ke ĉiuj ostoj en lia korpo rompiĝis.

Estis necese lin ĉirkaŭvolvi per multe da bandaĝoj, kiuj poste nedepreneble algluiĝis al lia korpo. Kaj li restas kvazaŭ dispecigita ĝis tiu ĉi tago — malbela, misformita kreitaĵo, kun malgrandaj, malbonaspektaj kruroj. Li estas averto al homoj ne tro libere uzi sian langon parolante pri personoj pli altrangaj ol ili.

Tradukis *L. Gonŝalves*, Brita Hindio

*) En la kreola franca dialekto de la Antiloj „maraco"-testudo. La diferencon inter tiu dialekto kaj la franca lingvo oni konstatu: Kreola: *„Qu tini bonheur"*. — Franca: *„Vous avez du bonheur"*. Vi havas bonŝancon. La dialekto estas parolata, ne skribata.

## Novaj libroj.

**Oficiala Klasika Libro de Esperanto.** Itala, Hispana kaj Portugala partoj. *Esperantista Akademio*, 1927. Paris, 9-e, Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy. 118 paĝoj, 10×15½ cm. Prezo br.: 3,60 fr. fr.

**Esperanto-Schlüssel** (Germana). Eld. de Centra Komitato de Esperanto. Havebla ĉe Ellersiek & Borel, Wilmsstrasse 5. Berlin SW 61. 32 paĝoj, 7½×11cm. Prezo: 10 pf. (10 ekz.: 0,90. — 100 ekz.: 8,— germ. mk.

**Esperanto durch Sprechen.** *Prof. Dr. Göhl.* 1 Teil: Einführung in Sprachlehre und Wortbildung. 1927. Deutsch-Esperanto Bücherei Nr. 12. Verlag: Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden. 84 paĝoj, 12½×13½ cm. Prezo br.: 1,20 germ. mk.

**Sprechen Sie Espéranto?** Einführung in die Esperanto-Konversation. *Dr. Emil Pfeffer*. Tagblatt-Bibliotek Nr. 426, 1927. Steyermühl-Verlag, Wien. 52 paĝoj, 12×19 cm. Prezo br.: 0,25 germ. mk.

**L' Esperanto en dix leçons.** Kolekto de la Revue. *Th. Cast* kaj *M. Pagnier*. 13-a eldono Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris, ge. 76 paĝoj, 12×18½ cm. Prezo br.: 2,— fr. fr.

**Eszperantó Nyelvtan,** Kezdö Tanfolyamok Ezámára. 3-a eldono, A. Magyarorozagi Esperantista Munkaŝok Egyesü'ete Kiadasa. Budapest VIII, Joszef-Körnt 9. 96 paĝoj, 12×16 cm. Prezo br.: 1,20 pengo.

**Esperanto.** Metodička Gramatika za Samouke i Škole. 3-a eldono. *D-ro Dušan Maruzzi* 1927. Sudslava Esperanto Servo. 112 paĝoj, 12½×17 cm. Prezo ne notita.

**Esperanto Lernolibro.** Carte de Invatat *M. Beraru.* Bukuresti. 1926. Eldonanta asocio: „Brila Stelo". 64 paĝoj, 11½×15½ cm. Prezo ne notita.

**Sleutel** op het *Esperanto-Leerboek* doon *A E. van Bussum*, L. C. G. Malmberg, 'S-Hertogenbosch-Antwerpen. 64 paĝoj, 13½×19½ cm. Prezo br.: 50 cent.

**Wat is Esperanto?** Haagsche Esperantisten-Vereeniging „Fine ĝi venkos". 32 paĝoj, 12×16 cm. Prezo br.: 10 cent.

**Waarom Esperanto-Onderwijt op de Lagere School?** Ned. Esperantisten-Vereeniging „La Estonto estas nia", Ceintuurban 188, Amsterdam. 16 paĝoj, 11×15 cm. Preze ne notita.

**De Beteekenis van mijn Herkenningsstecken** of Hoe de Samenleving mogelijks eens wezen zal. *Jan Thiery*, 1926. Rabotstraat 16, Gent. 60 paĝoj, 15×20½cm. Prezo ne notita.

**Jarlibro de Japana Esperanto Instituto,** 1926. La Revuo Orienta N-ro 10 I. E. I. Uŝigome Ŝin' Ogaŭamaĉi III-14 Tokio. 126 paĝoj, 11×15 cm. Prezo ne notita.

**Gerlands Beiträge zur Geophysik.** Resumoj en Esperanto de O. Simon kaj H. Sirk. 1 folio, 14×22 cm.

**I. Paneuropa-Kongress.** Paneuropäische-Union. Wien, Oktobro 1926. 8 paĝa prospekto, 17×24 cm,

**Inter Ni.** Oficiala Organo de la Interniaro kaj la Esperanta Kolportista Asocio. Red. Liv. Jenkins, 64 St. Thomas Rd, London N-ro 4, N-ro 1. Jarabono $ 0,25 (1 germ. mk.)

**Psikiatrio,** Psikologio kaj Neŭrologio. Jaro I, N-ro 8, Nov. 1926.

# 19. Universala Kongreso de Esperanto

## Danzig, 28 Julio — 4 Aŭgusto 1927

### 4-a oficiala informilo (1 Junio 1927)

**Patrono de la kongreso:** S-ro D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de l' Senato de la libera urbo Danzig.
**Loka Kongresa Komitato:** Honora prezidantino: S-ino Anna Tuschinski.
Prezidanto: S-ro Bernhard Aeltermann, Del. de UEA.
Vicprezidanto: S-ro Kazimierz Majorkiewicz.
Financoj: S-ro Kurt Sachsze.
Sekretarioj: F-ino Käthe Marquardt kaj F-ino Schulz.
Gazetaro: S-ro Edmund Fethke kaj S-ro Ernst Grabowski.
**Adreso:** Por leteroj: Esperanto-Kongreso, Danzig; por telegramoj: Esperanto Danzig.

---

### Aliĝoj.

Aliĝilo sen la pago de la kotizo estas senvalora. Listo de la kongresanoj regule publikata per „Heroldo de Esperanto“.

### Kotizo.

Por ĉiu kongresano 25 guldenoj de Danzig, aŭ 20 germanaj markoj aŭ 1 brita funto aŭ 25 svisaj frankoj aŭ 5 dolaroj. Rabatoj ne ekzistas. Blinduloj ne pagas kotizon.

Oni pagu per poŝtmandato au registrita letero aŭ per nia banko: „Danziger Privat-Actien-Bank“ en Danzig, Konto: Esperanto.

Pollandanoj sendu la monon al nia vicprezidanto S-ro Kazimierz Majorkiewicz en Czersk, Pomorze, per lia poŝtĉeka konto: PKO 202.100 (Poznan).

### Helpkongresanoj.

Samideanoj, kiuj ne povos ĉeesti la XIX-an, helpos al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj. Ili pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongres-insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

### Donacoj.

Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj, la LKK sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia jubilea manifestacio.

### Blindula kaso.

Dezirante helpi al la blinduloj, kiuj okaze de nia XIX-a aranĝos sian VI-an Blindulan Kongreson en Danzig, la LKK starigis blindulan kason kaj petas pri mondonacoj.

### Fakaj kunvenoj.

Okazos fakaj kunvenoj de Bahaanoj, bankistoj, fervojistoj, hebreoj, juristoj, kristanoj, kuracistoj, Oomoto, poŝtistoj, sciencistoj (kun vizitoj al interesaj teknikaj vidindaĵoj kaj konstruaĵoj) kaj studentoj.

### Alvojaĝo.

Por la envojaĝo al Danzig tra Stettin—Stolp aŭ Schneidemühl—Dirschau (Tczew), aŭ Königsberg—Marienburg—Dirschau (Tczew) estas necesa eksterlanda pasporto kun la pola transitvizo.

Pola vizo ne estas bezonata, se la envojaĝo okazos jenmaniere:
1. per ŝipo de Swinemünde, Pillau, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig;
2. per fermita koridor-vagonaro de Berlino al Marienburg, de tie per aŭtobuso aŭ aeroplano al Danzig;
3. per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg.
Vizo de Danzig ne estas necesa.

### Antaŭkongreso en Berlin.

La Berlina Esperanto-Unuiĝo preparas antaŭkongreson por la 26—27 Julio kun interesa programo kaj posta komuna veturo al Danzig per speciala vagonaro. Informojn donas S-ro Max Blankenheim, ĉefdelegito de UEA en Berlin.

### Ŝipkaravano el Francujo.

La 23-an de Julio forveturos el Le Hâvre per la ŝipo „La Pologne“ karavano organizata de S-ro G. Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Parizo. Pro la tre favoraj prezoj (I-a klaso 500, II-a klaso 350, III-a klaso 250 francaj frankoj, ĉio enkalkulita por unu vojaĝo) ni varme rekomendas aliĝon al tiu karavano. Por pli detalaj informoj oni turnu sin al la organizanto.

### Averto pri mono.

Ĉar la pola dogano ne permesas elporti monon tra la pola landlimo, kongresanoj traveturontaj polan teritorion, ĉe la enpaŝo notigu per la pola doganoficisto en sian pasporton la sumon kun si portatan, por povi ĝin poste libere elporti.

### Postkongresa pilgrimo.

La 4-an de Aŭgusto matene forveturos el Danzig la pilgrima karavano al la tombo de la Majstro kaj al rondvojaĝo tra Polujo. Detalajn informojn oni ricevos de la Organiza Komitato de la vojaĝoj: Warszawa, Polujo, Marszalkowska 130.

### Loĝigo.

Ni sendas al ĉiu aliĝinto specialan Mendilon kun detalaj informoj pri ĉio. Ĉar en Danzig ne ekzistas tre multaj hoteloj, estas forte konsilinde tuj antaŭmendi la loĝejon. La LKK bedaŭrinde ne povas garantii loĝejon por personoj ne antaŭmendintaj.

Por la kongresanoj ĉe ni antaŭmendintaj nia loĝiga komitato, gvidata de sperta fakulo, prizorgos plej kontentigan loĝejon. Pli fruaj mendoj ricevos pli favoran plenumon.

Prezoj de hotelĉambroj (kun servado, sen matenmanĝo) de 5 ĝis 10 guldenoj. Prezoj de privataj ĉambroj (kun servado, sen mantenmanĝo) de 3 ĝis 7 guld.

Tre malkaraj komunaj loĝejoj kun manĝado 2.50 guld., sen manĝado 1.80 kaj 1.20 guld. por tago.

Detalaj informoj en la mendilo, kiun oni bonvolu postuli de la LKK.

### Manĝado.

En Danzig la manĝado kostas tre malmulte. Prezo de matenmanĝo simpla de —.70 ĝis 1.20 G. Matenmanĝo kompleta de 1.20 ĝis 1.50 G. Tagmanĝa menuo de 3 pladoj 1.25 ĝis 1.75, de 4 pladoj 2.25 ĝis 3.— G. Vespermanĝo laŭ karto.

En la kongresejo oni vendos speciale aranĝitajn biletarojn por 6 bonaj tagmanĝoj tre malkaraj en la popularaj mezrangaj restoracioj vizitataj de oficistoj, komercistoj ktp. Unu tagmanĝo (2 aŭ 3 pladoj kune kun servado) kostas —.80 aŭ 1.— aŭ 1.25 G. Pano kaj trinkaĵo aparte pagotaj.

Por vegetaranoj la restoracioj aranĝos specialan menuon.

Multaj restoracioj preparas Esperanto-lingvan manĝokarton. Ilia listo troviĝos en la kongreslibro.

### Oficialaj poŝtkartoj.

Okaze de nia kongreso la Poŝta Direkcio de la Libera Urbo de Danzig eldonis siajn oficialajn poŝtkartojn kun enpresita poŝtmarko ankaŭ kun Esperanto-lingvaj tekstoj. La kompleta serio konsistas el 22 kartoj (11 enlandaj 10-pfenigaj kaj 11 eksterlandaj 20-pfenigaj) surhavantaj adresflanke vidaĵojn el Danzig kaj titolon de nia kongreso.

Kongresanoj dezirantaj akiri seriojn de tiu unikaĵo bonvolu legi en la mendilo la kondiĉojn de la mendo.

### El la definitiva programo.

Merkredo, 27 Julio: Akcepto de la franca ŝipkaravano.
Ĵaŭdo, 28 Julio, vespere: Interkonatiĝa vespero.
Vendredo, 29 Julio, matene: Malfermo de la Somera Universitato en la Teknika Altlernejo; vespere: solena malfermo de la kongreso.
Sabato, 30 Julio, matene: Laborkunsido; vespere: oficiala akcepto ĉe la Senato.
Dimanĉo, 31 Julio, matene: Diservoj; vespere: jubilea festvespero.
Lundo, 1 Aŭgusto, matene: Fotografado, publika laborkunsido de I. C. K., K. R. kaj UEA; vespere: internacia kostumbalo.
Mardo, 2 Aŭgusto: Laborkunsido, parolado de D-ro Privat pri la elparolado, ekskurso al Zoppot, arbaropero.
Merkredo, 3 Aŭgusto: Tuttaga ŝipekskurso tra la haveno kaj golfo de Danzig, ferma kunsido kaj marborda festo kun balo en Zoppot.
Ĵaŭdo, 4 Aŭgusto, matene: Forveturo de la pilgrima karavano al Warszawa.

### Internacia kostumbalo.

La gekongresanoj estas petataj porti kun si belajn naciajn kostumojn. Por instigo la LKK decidiĝis premii la tri plej belajn kostumojn per valoraj artobjektoj el sukceno. Fantaziaj kostumoj ne estos konsiderataj.

### Arbaropero en Zoppot.

Dum la kongreso okazos en la fama arbaroperejo (subĉiela) en Zoppot prezentadoj de la mondfama majstroverko de Richard Wagner: „Götterdämmerung“ (krepusko de l' dioj). Por la kongresanoj ni volonte aĉetos kaj rezervos biletojn. Detalojn pri la mendo vidu en la mendilo.

### Senpaga trambileto.

Konsiderante, ke la kongresanoj tre ofte bezonos uzi tramveturon ne nur al la kongresaj ejoj, sed ankaŭ al la famaj marbordaj banlokoj kaj ĉarmaj ekskursejoj, la LKK decidis komplezi ĉiun kongresanon donacante al ili trambileton *validan por ĉiu linio* de la tramvojaro de Danzig *dum la tuta daŭro de la kongreso.*

**Koran bonvenon!**

# Danzig, reĝino de la Balta Maro

Danzig, urbo de dolĉaj sonorilaroj, freŝaj marventetoj, kaj mezepoka ĉarmo de ĝoje koloraj stratoj, malnovaj pordegoj kaj antikvaj preĝejoj havas trezoron je kies posedo ĉiu urbo en la mondo povus sopiri. Neniu urbego eĉ vilaĝeto povas fanfaroni ke ĝi entenas saman. Tiu ĉi juvelo estas virino, Sinjorino Anna Tuschinski, okdekkvinjara *„junulino"*, la pionirino de Esperanto en Danzigo.

Vidvino je la aĝo de kvardeknaŭ jaroj, ŝi fariĝis lingvo-instruistino. Iun tagon, tute hazarde, kiam ŝi estis en sesdekkvina jaro, ŝi trovis malgrandan gramatikon de Esperanto. Ŝi lernis la lingvon, instruis kaj la pruvo de ŝia senlaca laborado estas, ke aro de plej inteligentaj, edukitaj, spertaj gejunuloj en Danzigo estas esperantistoj. Eĉ la sekretariino de la Prezidanto de Danzigo, F-ino Kaethe Marquardt, estas fervora Esperantistino, kaj la Delegito de UEA, Sinjoro Bernhard Aeltermann, okupas oficon de l' estro de la antaŭurbo Emaus.



Sinjorino *Anna Tuschinski,* pionirino de Esperanto en Danzigo

Dank' al la longjara laborado de Sinjorino Tuschinski, Danzigo havas la honoron aranĝi la XIX-an Universalan Kongreson de Esperanto. Sinjorino Anna Tuschinski ne estas alta, silenta, timiga, neparolema, kontraŭe ŝi estas malgranda, maldika, ĉiam ridetema, tiel malpeza kaj gracia ke ankoraŭ ŝi dancas kun la junuloj je la esperantistaj baloj kaj festovesperoj. Estas bone ŝin vidi. Ankaŭ ŝi ne hezitas supreniri tri aŭ kvar ŝtuparojn por vidi malsanajn gesamideanojn aŭ tre ofte malriĉulojn. Kelkaj diras, ke ŝi estas treege malsaĝa, ĉar ŝi elspezas ĉion por helpi aliajn personojn. Ŝi diris al la aŭtorino de tiu ĉi artikolo: „Mi posedas multe pli ol ili, ĉar miajn korposedaĵojn neniu povos forpreni de mi."

Karega Anna Tuschinski senkonscie instruas Danzigon kaj ankaŭ ŝi montros al la kongresanoj la mirindan sekreton de la feliĉego. Ŝi posedas altan kaj spiritan celon kiu donas ĝojon al la vivo. Subiĝinta en amo kaj servado, ĉiam ŝi estas ĉirkaŭita de amo kaj amikoj.

La Kongreso estas bonege preparata. Esperantistoj ĝuos ĉiun momenton en Danzigo. Ĉiutage estos feliĉaj surprizoj. Estos ĉarmo neniam forgesota vekiĝi ĉiumatene per la plej dolĉaj sonorilaroj en la mondo, kaj tagon kaj nokton ĉiuhore kaj duonhore oni denove aŭdos tiun ĉi spiritan sonorilkanton. La horsonorilaroj estas aŭdotaj de la urbdomo kaj la duonhor-sonorilaroj de la antikva preĝejo, Sankta Katarino, kiu posedas trideksep sonorilojn. — La Kongresejo estos la Pafista Domo, belega domo en la centro de Danzigo. Ĝi estas sufiĉe granda kaj komforta. La kongresejo havas la avantaĝon de granda luma restoracio kie oni povas tagmanĝi, vespermanĝi, banketi, aŭ nur trinki teon. La ĝardeno de la kongresejo, kun ombrodonantaj tilioj kaj kaŝtanujoj estos ideala ripozejo.

La fama borso kun siaj belegaj treege malnovaj ornamaĵoj estos la oficiala akceptejo de la Senato de la Libera Urbo por la naciaj delegitoj en la kongreso. Tiu ĉi salono estas malfermita por gastigi plej gravajn kunvenojn.

La protestanta Di-servo okazos en la Katedralo de Sankta Mario, kiu estas laŭ grandeco la kvina Katedralo en la tuta mondo. Ĝi estas pura gotika arĥitekturo de la dekkvara jarcento.

La katolika Di-servo estos en la plej malnova kaj bela preĝejo, Nikolai.

Post kiam oni estas vidinta la interesajn vidaĵojn en Danzigo la sceno ŝanĝos iomete, ĉar Mardon posttagmeze la kongresanoj veturos Zoppot'on, marborda banloko. En la ĉarma ĝardeno de grandioza hotelo ili aŭskultos Esperanton modele elparolatan. Ili restos en Zoppot por ĝui la freŝan aeron, promeni sur la surmarponto kaj laŭlonge de la marbordo, ankaŭ vidi la urbon, kaj vespere ili iros al la belega arbaro de pinaj kaj foliaj arboj kie troviĝas natura scenejo. Ili povos aŭdi la operon: *Dia krepusko* (Götterdämmerung), prezentota germanlingve de pli ol 300 geaktoroj.



Ĉefa strato kun urbodomo

Merkredon estos rava plezuro, ŝipekskurso de Danzigo al Zoppoto sur la Balta Maro. La kongresanoj tagmanĝos en la granda hotelo „Kurhaus", kaj posttagmeze diversaj promenoj estas jam proponitaj. Je la kvara horo ĉiuj kunvenos en la „Stolzenfels"-restoracio por komuna teo. Centoj da tabloj estas aranĝotaj en la alte situata ĝardeno, por ke oni povu havi ekvidon sur la ondiĝantan Baltan Maron kaj aŭdi ĝian dolĉan murmuradon. La internacia balo estos plenkolora plezurego lunde vespere en la Kongresejo.

Tio ĉi estas nur kelkaj ĝuoj de la XIX-a Kongreso krom la plej gravaj paroladoj en la Somera Universitato, la solena malfermo, la jubilea festo kaj la fakaj kunvenoj. La kongresanoj trovos multe da ĝojo en Danzigo ĉar la Loka Komitato prizorgas ĉion: diverseco, komforto, belegeco, interesaj paroladoj.

F-ino *M. Root*

# Japanaj samideanoj vizitantaj Eŭropon



Ni represas tie ĉi leteron ricevitan de nia Delegito, S-ro Ken Takahara, en Nagasaki.

*Nagasaki (Japanio), 20-an de Marto 1927*

*Peto de prizorgo por esperantista jurmedicinisto dum vojaĝo tra la mondo de Aprilo ĝis Novembro 1927.*

*Tre estimata samideano:*

*Por faciligi la mondvojaĝon de D-ro Hazime Asada, ano de UEA, kaj samtempe doni al li la okazon interamikiĝi kun samideanoj de ĉiu loko, kie li, akompanante sian sinjorinon (anino de UEA) survoje haltados, ni, la delegitoj de UEA, tre deziras, ke vi kore akceptu lin, kaj faru favoran anoncon kaj helpon laŭeblan pri aparte cititaj temoj, kiuj estas de li petataj.*

*D-ro Asada estas profesoro de jurmedicino en la medicina fakultato Nagasaki, kaj lia tiufoja mondvojaĝo estas krom sia propra studo por ĝui verdan vivon dumtempe, kaj trarigardi kiel vigla kaj grandioza estas la esperanta movado en ĉiu lando.*

*Kiel vi vidas sur la programo de lia vojaĝo, kiu laŭ la cirkonstanco iom ŝanĝiĝus je vojo kaj dato, li ekveturos de nia urbo en la lasta triono de Aprilo per la vagonaro tra Siberio eŭropen kaj poste faros viziton al Usono.*

*Se iam al vi okazos la sama bezono, ni kun granda plezuro plenumos vian deziron kaj ankaŭ havas la honoron prezenti al vi nian verdan rondon, Nagasakia Esperantista Klubo, kiu jam multe servis al la esperantistaj vizitintoj, kaj kiun la profesoro sinofere subtenadas.*

*Esperante vian bonsanon kaj pluan kreskiĝon de nia afero en via urbo, ni restas, tute via sincere,*

*Delegito de UEA*
*Ken Takahara*



D-ro Hazime Asada kun familio

*

Programo de la vojaĝo:

*Aprilo:* 25 for Ŝimonoseki, 26 Rusan, 28 Seoul.

*Majo:* 1 Mukden, 3 Choshun, 4—5 Ĥarbin, 6—7 Ĉita, 8—9 Irkutsk, 15—17 Moskvo, 18—20 Leningrad, 21 Bielostok, 22—23 Varsovio, 25 al Paris (ĉeestos ĉe la jurmedicina kongreso de l' franclingvaj regnoj), 30 for Paris, 31 Nancy.

*Junio:* 1 for Nancy, 2—3 Strasbourg, 4—6 Lyon, 7—8 Genève, 9 Bern, 9—11 Lucerne, 12—13 Zürich, 14—16 Paris, 17—20 London, 21—23 Edinburgh, 24—25 Glasgow, 26 Belfast, 27—29 Dublin, 30 Liverpool, 31 Manchester.

*Julio:* 2 for Manchester, 3—9 London, Oxford, Windsor, Cambridge ktp., 10—11 Brighton, voje de Dover, Calais, Lille (vizito de l' redakcio de la „Internacia Medicina Revuo), 13 for Lille, 14—18 Paris, 19—20 Rouen, 21 Paris (vizito de Versailles kaj kelkaj ekskursoj), 24 for Paris, 25—26 Berlin, 27 Danzig (ĉeestos la 19-an kongreson).

*Aŭgusto:* 5 for Danzig, 6 Königsberg, 6—7 Stettin, 8—10 København, 11 Gothenburg, 12—15 Oslo, 16—19 Stockholm (Uppsala) voje de Helsinborg, 20 København, 21—23 Kiel, 24 Lübeck, 24—30 Berlin, 30 Hannover, 31 Bremen.

*Septembro:* 1 for Bremen, 2 Groningen, 3 Utrecht, 4—6 Amsterdam, 7 La Haye, 7 Rotterdam, 8—9 Bruxelles, 10—11 Liège, 11—12 Köln, 13 Berlin (ĉirkaŭ la fino de Septembro okaziĝos la jurmedicina kongreso de germanlingvaj regnoj), 26 for Berlin, 27—30 Hamburg.

*Oktobro:* for Hamburg ĉirkaŭ la 7-a, 7—16 New-York, 16—19 Boston, 20 New-York, Philadelphia, Baltimore kaj Washington, 29 for New-York, 30 Buffalo, kaskadego Niagara, 31 Chicago.

*Novembro:* 2 for Chicago, 6—8 San Francisco, 24 Yokohama.

Poŝtricevejo: de 25. IV. ĝis 24. VII. Paris, de 26. VII. ĝis 25. IX. Berlin, de 26. IX. ĝis 29. X. New-York, de 30. X. ĝis 8. XI. San Francisco.

PS. La programo ne estas absolute certa. Laŭ la cirkonstanco mi ŝanĝus la daton aŭ la vojon.

* * *

Ni ricevis plie interesan presaĵon kun kolora bildo laŭ japana maniero. La tekston ni represas tie ĉi. Nia Delegito en Tokio informis la Delegitojn kies lokojn vizitos S-ro Toki, per sama presaĵo, kaj esperas bonvolan helpon.

*Tôkyô, la 31-an de Januaro 1927*

*Tre estimata sinjor(in)o:*

*Mi ne ankoraŭ havas la honoron vin vidi, sed mi volas sciigi al vi, ke mi, kiel redaktoro de „Tôkyô Asahi Sinbun", japana tagĵurnalo, foriros el Japanujo en Aprilo 1927 por entrepreni rondvojaĝon tra Eŭropo kaj Usono. Mi kredas, ke mi eble havos la plezuron iri al via loko en proksima estonteco. Pri la horo kaj dato de mia alveturo mi povos informi vin pli malfrue.*

*Mi do petas vin, kara samideano, ke vi bonvole donu al mi faciligon kaj helpon en okazo, se mi ilin bezonos en via loko.*

*Dankante antaŭe por via komplezo, mi estas via*

*fidela japana amiko*
*Toki-Zenmaro*
*„Tôkyô Asahi Sinbun"*



**Ni rekomendas la mondvojaĝantojn al bonvola atento de niaj Delegitoj de la lokoj vizitataj. Al la vojaĝantaj samideanoj ni deziras sukcesan kaj ĝuplenan vojaĝon!**

**Red.**

# Sudslava Ministerio de Trafiko enkondukas Esperanton por surskriboj en internaciaj vagonoj



Per dekreto de 21 Marto 1927 al la akto G. D. N-ro 6071/927 sinjoro la ministro de l' trafiko de Sudslavio (subskr.: Svet. Milosavljeviĉ) bonvolis aprobi, ke en ĉiuj vagonoj de l' sudslava fervojaro, destinitaj por internacia trafiko, la helplingvo Esperanto estu aplikata sur oficialaj afiŝoj kaj avizoj.

Sekve de tio surskriboj en vagonoj, kiel „Ne kraĉu", „Ne klinu vin el la fenestro", „Alarmbremso", „Ne uzu dum halto en stacio" ktp. estonte estos akompanataj de la teksto en Esperanto.

Tiu larĝvida decido de l' sudslava trafika ministro estas grava kaj influhava al la sintenado de l' administracioj de fervojaro en aliaj landoj, kies imito de tiu ĉi kuraĝa ekzemplo estas atendata.

Tiu ĉi sukseso estas sekvo de iniciato, farita de l' prezidanto de I. C. K. D-ro Privat, kaj posta kunagado kelkamonata de Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj kaj I. C. K. (interkonsente kun Sudslava Ligo Esperantista). Oni ŝuldas aparte koran dankon al la fervora kunhelpo de S-ro Puhalo, vicprezidanto de I. A. E. F., kaj al supera kontroloro S-ro Stevan V. Stojniĉ, prezidanto de I. A. E. F., en Beograd, kiu en tute speciala kaj modela maniero helpis al la fina atingo de tiu ĉi valora rezultato de komuna peticio, parto de pli ampleksa entreprenado.

Post ne longe la unuaj vagonoj kun Esperanto-surskriboj cirkulos en Sudslavio.

*

Ni petas la samideanojn, ĉefe en transmaro, vaste diskonigi tiun ĉi ĝojigan novaĵon en la gazetaro de sia lando kaj sendi gazet-eltranĉaĵojn (se eble, gluitajn sur kartojn) al Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svislando.

* * *

**Fervojo, poŝto, polico** estas la ĉefaj kampoj, kie la helplingvo trovos uzadon plej vastan. Surskriboj en vagonoj, tekstoj de regularoj, oficantaj funkciuloj parolantaj la lingvon, estas la unuaj pruvoj de l' uzado. Necesas, ke unu komencu kaj rilate fervojo tion plenumis la progresema Fervoja Administrado de S. H. S. La komenciĝanta turismo en tiu ĉi lando, disponanta pri naturbelaĵoj rimarkindaj, varbas ĉiumaniere. Tiu ĉi decido apartenas al la deziro ĉiel faciligi la rilatojn kaj meritas sinceran dankon de ĉiu progresema vojaĝanto. Red.

---

# Grava decido pri Esperanto en Radio



Al la Kunveno de la Internacia Unio de Radiofonio, okazinta de 11—13 Majo en Lausanne (Svislando), la stacio Radio-Genève submetis la sekvantan deziresprimon:

„Konsiderante, ke la Internacia Unio de Radiofonio deziras favorigi la rektan kontakton kaj la alproksimiĝon inter la popoloj,

Konsiderante, ke la parola radio-dissendado kontribuas al tiu ĉi alproksimiĝo, ĉar ĝi transpasas la limojn de ĉiu lando, sed renkontas kiel ĉefan malhelpon tiun de la lingva malsameco,

Konsiderante, ke la disvastiĝo de internacia helplingvo povus malpligrandigi tiun ĉi malhelpon kaj faciligi la universalan interkomprenon,

Konsiderante, ke la Internacia Kongreso de l' Radio-Amatoroj, kunveninta en Parizo en Aprilo 1925, studis la problemon kaj adoptis Esperanton kiel internacian helplingvon,

Konsiderante, ke la Ligo de Nacioj rekomendis al ĉiuj ŝtatoj, rekoni Esperanton, praktikan lingvon de la internaciaj rilatoj, kiel „lingvon klaran" allasitan en la telegrafaj rilatoj,

Konsiderante, ke la Universala Telegrafa Unio en sia Konferenco de Parizo en Oktobro 1925 sekvis al tiu ĉi deziresprimo, menciante Esperanton en artikolo VII de sia regularo,

Konsiderante fine, ke Esperanto multe disvastiĝis dum la lastaj jaroj kaj ke ĝi estas regule instruata de post tri jaroj de trideko da radio-stacioj de Eŭropo kaj Ameriko kaj en publikaj lernejoj de certa nombro da ŝtatoj,

**La Internacia Unio de Radiofonio rekomendas al la stacioj, fari provon pri regulaj dissendoj en Esperanto unufoje en semajno dum 10—15 minutoj, por anonci al malproksima aŭskultantaro la ĉefajn punktojn de sia semajna programo aŭ por konigi al ĝi okazintaĵon artistan, intelektan aŭ ekonomian de sia nacia vivo.**

**Ĝi samtempe rekomendas al ili, anoncigi sian stacion unufoje ĉiutage en Esperanto okaze de siaj vesper-programoj."**

La Unio en sia kunveno de l' 12 Majo unuanime akceptis tiun ĉi rezolucion.

Speciala komisiono por alproksimiĝo intelekta kaj artista estas komisiita doni al la stacioj ĉiujn necesajn direktivojn por realigo de la decido.

I. C. K. petas la gvidantojn en radio sfero tuj entrepreni la necesan paŝon ĉe ĉiuj stacioj kaj ĉefe tie, kie oni ankoraŭ ne disaŭdigas en Esperanto. La deziresprimo validas por ĉiuj membroj-stacioj de la Unio.

Por pluaj detaloj kaj direktivoj oni sin turnu al Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

# Internacia Instituto de Esperanto

**Universitataj somerkursoj en Ĝenevo**

**Prepara kurso por neesperantistoj: 22.—27. Augusto 1927**
**Perfektiga kurso por esperantistoj: 29. Augusto—4. Sept. 1927**

Esperanto, ĝia gramatiko
„ „ sintakso
„ „ vortaro
„ „ derivado
„ „ elparolado
„ „ deveno
„ „ historio
„ „ literaturo
„ „ instruado

Matene: kursoj kaj korektado de laboroj.

Posttagmeze: konversaciaj grupoj.

La kursoj preparas al Atesto pri studado kaj Instrua Diplomo de la Instituto. Ilin gvidos D-ro Edmond Privat, docento ĉe Ĝeneva Universitato kun la helpo de pluraj diversnaciaj profesoroj.

Prezo por tuto aŭ parto: Fr. 25.

Loĝado kaj manĝado en komuna hotelpensiono dum unu semajno: Fr. 75.

Enskribiĝu frue: *Internacia Instituto de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.*

---

## KRONIKO

### Alĝerio.

*Alĝero.* — Parolado de S-ino Mantoz, okdekjara, antaŭ tricent liceanoj; sekve kurso gvidata de prof. Pinty.

### Aŭstrio.

*Salzburg.* — Lumbilda parolado ĉe Laborista Grupo.

*Wien.* — Propaganda vespero de la Aŭstria Ligo, kun paroladoj de D-ro Jokl kaj S-ro Zwach. Beethoven-soleno ĉe Societo Danubio. Esperanta sekcio fondita ĉe Paneŭropa Unio.

### Britlando.

*Lewisham.* — Kurso kun 25 personoj gvidata de S-ro Hoskins.

*Manchester.* — Ĉiusemajnaj paroladoj ĉe Laborista Klubo kun 17 anoj.

*Rishton.* — Konferenco de Lancashire- kaj Cheshire-Federacio kun 80 personoj.

### Bulgario.

*Jambol.* — Parolado de prof. Krestanoff pri Paneŭropo, Radio kaj Esperanto.

*Loveĉ.* — Paroladoj de prof. Krestanoff en teatra salono kaj gimnazio. Novaj kursoj.

*Pleven.* — Parolado de prof. Krestanoff por gimnazianoj.

*Ruse.* — Propaganda festo ĉe societo „Solidareco". Finiĝis tri kursoj kun 120 personoj.

*Ŝipka.* — Parolado de prof. Krestanoff pri Paneŭropo, Radio kaj Esperanto.

*Sofia.* — Bulgara Esperanto-Asocio kunvokis eksterordinaran kongreson la 7-an kaj 8-an de Majo j. k. en Sofion. La kongreso okupis sin pri neprokrasteblaj organizaj demandoj. Dum ĝia daŭro kunvenis ankaŭ la delegitoj de UEA en Bulgario por okupi sin pri starigo de UEA-teritorio en nia lando. — La 23-an de Marto ĉe la Ŝtata Presejo nia samideano Kiril Drajev faris tre sukcesan paroladon pri Esperanto, sekve de kio malfermiĝis kurso kun ĉirkaŭ 50 partoprenantoj sub lia gvido. La Direktoro de la Ŝtata Presejo favore helpas. — En la dua knaba gimnazio fervore propagandas nia samideano Telbizov (lernanto), li favorigis la Direktoron kaj organizas grupon; baldaŭ malfermotaj kursoj.

*Stara Zagora.* — Paroladoj de prof. Krestanoff. Du novaj kursoj, por lernantoj kaj por plenaĝuloj.

*vil. Mihalci* (ap. Tirnovo). — Kurso gvidata de la loka delegito de UEA S-ro Ganĉo Jotov, instruisto.

### Ĉeĥoslovakio.

*Brno.* — Parolado de S-ro Smit el Hago, ĉeestis 50 personoj.

*Bratislava.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

*České Budejovice.* — Lumbilda parolado de S-ro Pech el Plzen pri Finnlando.

*Kladno.* — Parolado de S-ro Smit el Hago pri Nederlando antaŭ 70 personoj.

*Olomouc.* — Lumbilda parolado de S-ro Smit el Hago pri Nederlando. Tri kursoj gvidataj de S-ro Neužil kun 50 personoj. Membraro de UEA nombras 60 personoj.

*Praha.* — La Paska konferenco pri „Paco per lernejo" sukcese okazis, vidu detalan raporton.

*Reichenberg.* — Lumbilda parolado de S-ro Smit el Hago, germane tradukita de prof. Scholze.

*Turnov.* — Kurso por 26 personoj gvidata de S-ro F. Rádek.

### Danlando.

*Sönderborg.* — Kunvenoj ĉe la „Esperantoforening", Sönderborghus.

### Estonio.

*Tallinn.* — Kursoj disaŭdigataj kaj presataj en Radio-Revuo de S-ro Vaher.

### Franclando.

*Annecy.* — Laŭvola kurso ĉe Liceo Berthollet.

*Cancon.* — Grupo fondita de S-ro A. Géraud.

*Grenoble.* — Paroladoj de prof. Dejean, sekvas kurso por 22 personoj.

*Lyon.* — Deviga kurso en „Ecole Municipale", gvidata de prof. Pouchot. Kurso disaŭdigata kaj parolgazeto ĉe „Radio-Lyon". Finiĝis kurso por poŝtistoj, gvidata de S-ro Courtinat.

*Paris.* — Ĉiusemajne paroladoj ĉe Sorbona Grupo: parolgazeto, pri Beethoven, pri Egipto ktp. — Propaganda vespermanĝo kun eminentaj gastoj: eksministro Szend, sekretario de la revuo „Je sais tout", membroj de „Rotary Club" ktp. — La Sepa Kongreso de la Franca Laborista Federacio (500 anoj) okazis dum Pasko. — Aperis pokvartalaj gvidlibroj tra Parizo en angla, germana, hispana, itala kaj esperanta lingvoj; ĉiu gvidlibro prezentas unu urboparton: Latina Kvartalo, Montmartro ktp.

*Port Sainte-Marie.* — Parolado de S-ro A. Géraud, sekvas kurso por lernantoj.

*Rennes.* — Grupo fondita de S-ro Jouis.

*Saint-Etienne.* — Parolado de prof. Cart en salono de la Komerca Ĉambro.

*Thiers.* — La Franca Esperanto-Kongreso okazos dum Pentekosto.

*Toulouse.* — Paroladoj ĉe Universitata Klubo (40 anoj).

*Tourcoing.* — Licea kurso por 40 lernantoj, gvidata de prof. Louis Vauthier.

## Germanio.

*Berlin.* — Karnavala festo ĉe loka grupo. — Kursoj ĉe komerclernejo Rackow, gvidata de direktoro Glück.

*Bremen.* — Kurso kun 18 personoj ĉe Laborista Grupo.

*Chemnitz.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

*Dresden.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

— *GEA., Loka Societo.* — Monata kunveno okazis samtempe kun la jara ĉefkunveno vendredon, la 8-an de Marto. La prezidanto raportis unue pri la laboroj de la lasta tempo, speciale pri la novaranĝo de la oficejo, kiu de Struvestrasse 40 translokiĝis al Koenigsbrueckerstrasse 93 kaj tie kiel ĝis nun servos kiel informejo rilate al ĉiuj Esperanto-aferoj kaj samtempe akceptas mendojn por libroj kaj ĵurnaloj. Estis esprimate la sincera danko al la firmo Ellersiek kaj Borel, kiu ĝis nun gastigis la oficejon, kaj S-ro Thiem, kiu ĝin estonte gvidos en siaj propraj negocejoj, esperante, ke la membroj uzu ĝin plej ofte. Poste oni reguligis la reprezentadon de la unuiĝo en Koeln kaj Praha. Rilate al al decido farota en Koeln pri de GEA la ĉeestantaro decidis, komisii la Dresdenajn reprezentantojn, tie postuli, ke Germana Esperantisto daŭre restu tiu organo. — En la ĉefkunveno donis la prezidanto detalan jarraporton, la kasisto raportis pri la stato de la kaso kaj post raporto de la kasrevizoroj la ĝisnuna prezidantaro estis malŝarĝita. La elektoj alkondukis al la ĝisnuna estraro kelkajn novajn kunlaborantojn dum la ĉefaj funkciuloj restis la samaj. Prezidanto: Karsch, vicprezidantoj: Engst, Hessler kaj Wehlitz, kasistoj: Thieme, Tessner, sekretarioj: Schoenherr, Dr. Friedmann.

*Hannover.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

*Halle.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

*Krefeld.* — Kunveno de „Revelo“, kun partoprenintoj el kvar urboj.

*Leipzig.* — Jubilea festo de la Tutmonda Polica Ligo kun parolado de S-ro Smit el Hago antaŭ 150 personoj.

*Meissen.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

*Pirna.* — Paroladoj de S-roj Smit el Hago kaj F. Wetzig. Kurso por geinstruistoj gvidata de S-ro B. Grossmann.

*Plauen.* — Parolado de S-ro Smit el Hago.

*Solingen.* — SAT-Konferenco por Rejnlando-Vestfalio.

*Wiesbaden.* — Jarkunveno de la loka grupo.

## Hispanio.

*Barcelona.* — Jarkunveno de la „Nova Sento“. Kurso en Rubi kun 20 personoj, gvidata de S-ro Chaler.

*Tarrasa.* — Du kursoj ĉe la grupo kaj ĉe Teozofia Societo. Paroladoj de S-ro Chaler.

*Zaragosa.* — Prof. Tomas Rubio transiĝis al Guadalajara.

## Hungario.

*Budapest.* — Laborista Societo ricevis de la urbestrejo monhelpon je 15000000 K. — En kelkaj vagonoj de ŝtatfervojo estas bildoj de Budapest kun kvinlingva subskribo, kie ankaŭ Esperanto. — Literatura vespero ĉe Oficista Grupo, kun parolado de S-ro A. Ĉe.

## Italio.

*Livorno.* — Itala Esperanta Federacio havas ĉi tie sian sidejon: Viale Carducci 15; adreso por leteroj: Poŝta Kesto 204.

*Mantova.* — Nova kurso gvidata de S-ro Fiori.

*Parma.* — Jarkunveno de la grupo elektis kiel prezidanton S-ro E. Ucceli. — Tri kursoj kun 20 personoj, gvidataj de Prof. Canattiero kaj F-ino Prof. N. Zinzani. — Parma Virina Fasko eldonis esperantajn glumarkojn faŝistajn.

*Venezia.* — Jarkunveno grupa elektis prez. S-ron M. Cossato.

## Kubo.

*Habana.* — Kunveno de la grupo, parolado de S-ro Tobias Sigel el Usono.

## Latvio.

*Riga.* — Festo jubilea de la 15-a datreveno de la loka societo.

## Litovio.

*Šiauliai.* — Kurso ĉe Popola Universitato, gvidata de S-ro M. Zakaŝansky.

## Nederlando.

*Bergen op Zoom.* — Katolika Unuiĝo fondita kun 14 anoj. Kurso gvidata de S-ro Van der Burgl.

*Haarlem.* — Tria Nederlanda Kongreso okazis 28—29 Majo kun 500 personoj en granda entuziasmo. Prezidis S-ro Heilker, paroladis Prof. Casimir kaj D-ro Privat.

*Woensdrecht.* — Du kursoj kun 20 personoj, gvidataj de S-ro Van der Burgl.

## Nov-Zelando.

*Auckland.* — Parolado de S-ro C. Adcock ĉe Somera Instruista kurso.

## Palestino.

*Jerusalem.* — Kurso por 100 junuloj, gvidata de D-ro Braun.

## Pollando.

*Biala Podlaska.* — Fondiĝis filio de Pola Esperanto-Asocio, kun prezidanto S-ro A. Urmacher. Du kursoj por 30 personoj.

*Bydgoszcz.* — Kursoj kaj prelegoj ĉe Popola Universitato.

*Dombrowa Gornicza.* — Nova junula grupo kun 50 anoj. Parolado de S-ro M. Ziomek el Krakovo antaŭ 100 personoj. Parolado de S-ro B. Czechowski antaŭ 90 personoj. Kurso gvidata de S-ro Izraelewicz.

*Karwina.* — Solena enterigo de samideano Kaczmarczyk.

*Katowice.* — Parolado kaj ekspozicio de S-ro B. Poznań.

*Kraków.* — Finiĝis kurso en Polica Lernejo kun 40 lernintoj. Publikaj ekzamenoj de D-ro Leo Dreher.

*Królewska Huta.* — Du kursoj kun 50 personoj, gvidataj de S-roj Kolodziej kaj Czaja. Vesperfesto kun 120 personoj.

*Roždzień.* — Kurso por 24 personoj gvidata de S-ro Kolodziej.

*Sosnowiec.* — Kurso por 30 personoj ĉe Laborista Societo, gvidata de S-ro B. Czechowski. — Esperanto-fako ĉe la Libro-Ekspozicio. — Nova grupo ĉe Urblernejo.

*Strzemierzyce.* — Parolado de B. Czechowski en sportklubo.

*Warszawa.* — Fondiĝis Varsovia Tramvoja Rondo. Jarkunveno de Pola Studenta Societo elektis kiel honoran prezidanton Prof. O. Bujwid, prezidanton S-ro M. Trochimowski. — Eldona Sekcio ĉe Pola Studenta Societo starigis librovendejon.

## Saarteritorio.

*Saarbrücken.* — Jara kunveno de la grupo elektis kiel prezidantojn S-rojn Krämer kaj Elsholz.

## Sudslavio.

*Karlovac.* — Kurso por 20 laboristoj.

*Veliki Bečkerek.* — Finiĝis tri kursoj kun 30 lernintoj.

## Svislando.

*Genève.* — Publika kunsido pri Praha Konferenco en Universitato. Parolis S-roj Bovet, Maurette, Claparède, Dottrens kaj Privat al 300 personoj.

*Luzern.* — Post venko de diversaj malhelpoj komencis ĉe ni Esperanto-kurso en la urba lernejo Mariahilf kun 13 lernantoj. La kursgvidanto S-ro Forster, instruisto de la Zentralschweizer Verkehrsschule, komprenas tre bone entuziasmi la partoprenantojn por nia kara lingvo. Estonte la esperantistoj, kiuj venos je Lucerno, povas loĝi en hotelo, kie oni parolas kaj komprenas Esperanton, ĉar S-ro Cl. Waldis, mastro en hotelo Raben, tri minutojn de la stacidomo, estas partoprenanto de la kurso.

## Usono.

*Boston.* — Festkunveno de la Societo kun sep paroladoj de S-ro R. Sugimoto el Formosa, de D-ro D. Kostoff el Bulgario, de Prof. L. Lambert el Bostona Universitato, de eksprezidanto E. Payson, de F-ino E. Meriam, de prezidanto Lee, de vicprezidanto H. Hastings. — Kurso por 80 personoj ĉe „College of Bus. Adm.". — Kvin kursoj en popollernejoj.

*Cleveland.* — Fondiĝis Esperanto-Radio-Stacio kun ondo 272,6 m, WHK, Carnegie Hall.

*Detroit.* — Paroladoj ĉe Bulgara Eduka Klubo de S-roj V. Marĉevski kaj J. Murray. Kurso fondata.

## USSR.

*Ĥarkov.* — Kurso por ukrajnanoj.

*Kiev.* — Jarkunveno de SEU elektis S-ron V. Devjatnin en novan komitaton.

*Leningrad.* — 800 medicin-laboristoj elektis du anojn por L. Soveto, kondiĉe, ke ili studu iun fremdan lingvon aŭ Esperanton.

*Omsk.* — Rondeto ĉe militklubo „Frunze".

*Smolensk.* — Kurso por 30 personoj ĉe popollernejo.

*Tver.* — Fondiĝis laborista grupo kun 40 personoj.

*Velij.* — Kursoj kun 100 personoj.

---

# Esperantista parolejo

### Oni laŭdas!

∴ S-ro *E. Schönberger* el Novi Sad, Sudslavio, dankas al S-ro F. Bachmann, Del. en Heilbronn kaj al aliaj samideanoj pro ilia afabla gastameco.

∴ S-ro *H. Trikjakin*, inĝeniero, multe dankas al S-ro Gaetano Facchi, Del., pro lia utila servo je saniga „Kefir".

∴ S-ro *J. Green* en Farney Tyas, elkore dankas al S-roj Wigbertus Van Zon, Del., F. Knaapen, Prez. de Tilburga Esp. Asocio, kaj E. Vossen, ano de UEA, pro grandaj komercaj servoj en Nederlando.

∴ Al S-ro Conrad C. Dornbusch, Warwick (Aŭstralio) por liaj afablaj servoj rilate al respondo de petoj dankas Ges-roj *Huber*, Habana (Cuba).

∴ *Esperanta klubo* en Koprivnica (Jugosl.) korege dankas al la Zagrebaj gesamideanoj, kiuj volante disponigis sin al la klubo dum ilia amuzvespero, ludis en la komedio „La Morto de Delegito de UEA" kaj per tio helpis al la propagando en nia urbo.

∴ S-ro *Eskil Hakansson,* inĝeniero, ano de UEA 7002 en Ulriksdal (Svedlando), elkore dankas al S-ro del. Pedro Gomez kaj S-ro vicdel. Villafranca en Buenos Aires, S-ro del. Pedro Casas, S-ro E. Legrand kaj S-ro Santiago Gomis en Montevideo, S-ro del. Castorino Gomes de Carvalno kaj S-ro Harry Petersen en Sao Paulo, S-ro Couto Fernandez kaj S-ro vicdel. Luis da Costa Porto Carreiro Neto en Rio de Janeiro, S-ro del. Luis Soares Rosado en Bahia, S-ro del. Jorge de Saldanha Carreira kaj S-ro Antonio Mario Mateus en Lisboa, S-ro del. Luis Rodriguez Escartin en Madrid kaj S-ro del. Charles Marseille en Paris, kiuj donis al li interesajn, eĉ tre gravajn informojn letere kaj parole, afable gvidis lin dum liaj vizitoj en la fremdaj urboj kaj varmkore eĉ invitis la fremdan nordulon en la familian rondon. Li ankaŭ elkore dankas al „Esperanto et Commerce" en Paris pro dankinda prizorgo de korespondaĵoj.

∴ D-ro *Anakreon Stamatiadis,* membro de UEA en Ateno, plej elkore dankas S-ron Antonio Ratissa, vicdel. de UEA en Trieste, pro akurata ripetita servo, kiu kaŭzis grandegan impreson al neesperantistaj kleruloj de Ateno.

---

# Esperantista vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Theodor Warth* en Milano kun F-ino *Paula Steig* el Neunkirchen-Saar.

**Edziĝo.** — S-ro *Ĉen Ĉaŭ Jin,* delegito de UEA en Shanghai, kun F-ino *Wu Shun Yin.*

— S-ro *G. Della Savia,* delegito de UEA en Udine, kun F-ino *Blanka Mandel* en Budapest.

— S-ro *Gustaaf Beirens* en St. Niklaas kun F-ino *Esther Weemaes* en Waas.

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Martta* kaj *Antti Rahkola* naskiĝis filino nomita *Paula Annikki.*

**Honorigo.** — S-ro *Roberto Marawry,* nia pioniro en Bilbao, estas nomita membro de Hispan-Amerika Akademio de Cadiz.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino **Rozsi Fulöp**, ano de UEA en Cluj, Transilvanio.

S-ino **Maria Magnasco,** edzino de nia ano S-ro Amadeo Redolfi en Genova, Sampierdareno.

S-ro **Luigi Pollini**, delegito en UEA en Bordighera.

S-ro **Stanley Kozminski**, delegito de UEA en Cleveland.

**Sinceran kunsenton!**





# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Jarlibro 1927.** — Ĝi presiĝis fine de Majo kaj estis dissendata inter la 1—15 Junio. Personoj nericevintaj ĝin je oportuna tempo bonvolos informi la Centran Oficejon.

**Repagigo de kotizoj.** — Ne pagis la kotizon por 1927 ĝis fino de Majo 3000 (trimil) personoj. Laŭkutime ni enkasigas la kotizon per la poŝto en la landoj, kie tio estas ebla. En Aŭstrio ni komisiis

S-ron Erwin Gerh. Bernfeld, Del. de UEA, Czerninplatz 5, Wien II

prizorgi tiun aferon. Ni insiste rekomendas al niaj delegitoj serioze klopodi pri la revarbado de la malnovaj anoj.

**Statistiko.** — Pagis ĝis fino de Aprilo 1927 (de Novembro 1926) la kotizon 91 HM, 1686 M, 4655 MA kaj 383 MS, sume **6815.** (Fine de Aprilo 1926: 6323.)

**Novaj delegitoj:**

*Ahlen,* Germanio. D. S-ro Franz Linkamp, instruisto, Knüppelsberg
VD. S-ro Ludwig Merkel, apotekisto, Stern-Apotheke
*Buckhurst Hill,* Brit. D. S-ro Michael James Elliott, pastro, 202 Queens Rd.
*Chudeřice,* ĈSR. D. S-ro František Stejskal, No. 18
*Greiz,* Germanio. D. S-ro Ernst Wiener, komercisto, Berggasse 1
*Jaligny,* Franc., Allier. D. S-ro Marcel Chavagne, oficisto
*Kalisz,* Pollando. D. S-ro Alexy-Leszek Lasínski, poŝtkesto 149 skrz. poczt.
VD. S-ro Ludwik Wojtasik, Kuchari poczta Kucharki
*Moebaze,* Afriko portug. D. D-ro Manuel da Costa Monteiro
*Neuhof,* ĈSR. D. S-ro Richard Theml, Neuhof, Post Schlappenz
*Pihlava,* Finnlando. D. S-ro Einar Sourander, fervojoficisto
*Pržno,* ĈSR. D. S-ro Tomáš Machala, No. 33, poŝto Jablůnka
*Radošovce,* ĈSR. D. S-ro Rafael Bartal, katolika pastro, R. pri Morave
*Rimavská Sobota.* D. S-ro Karel Jordán, štátný mernický ústav
*Ujest,* ĈSR. D. S-ro Laurenz Millauer, Ujest p. Pfraumberg
*Wurzen,* Germanio. D. S-ro Richard Zeiler, instruisto, Eckhardtstrasse 1
VD. S-ro Arthur Hamm, instruisto, Georgstrasse 6

**Ŝanĝoj:**

*Adelaide,* Aŭstralio. D. S-ro W. L. Watermann, 60 Roebuck Str. Mile End.
*Bello Horisonte,* Brazilo. D. S-ro J. F. de Azeredo Coutinho, Av. Parauna 1431
*Bucuresti,* Rumanio. D. S-ro Henriko Harabagiu, Calea Mosilor 292
*Essen-Ruhr,* Germanio. D. S-ro Kurt Unruh, Viehofer Str. 188 a
*Groningen,* Nederlando. VD. S-ro Wietze Keuning, Brinklaan 14
*Halberstadt,* Germanio. D. S-ro Berthold Köhler, Quedlinburger Strasse 13
*Laihia,* Finnlando. D. S-ro Ilmari Virkkala, instruisto, Isokylä
*Nymburg,* ĈSR. D. S-ro Emil Tyl, Kolonie 398
VD. S-ro František Chioprisi, Hlavova ul. 945

Genève, 25 Majo 1927

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Tekniko kaj ekonomio

## Celofano

La nepraj signoj de progresanta kulturo estas la pli granda bezono je lumo, aero, suno, la pli granda intereso por sanigaj kaj higienaj demandoj, por korpa kulturo kaj similaj aferoj, plue, certa sento por subtiligo kaj lukso, kiu montras sin en la plej diversa maniero. Ĝojige progresas la edukado je higieno, kiu estas fervore subtenata kaj se oni komparas sanigajn instituciojn de antaŭ 20 jaroj kun tiuj, kiuj servas hodiaŭ al la sama celo, aŭ se oni ekzamenas tiujn, kiuj estas kreitaj intertempe, oni povas konstati kontentigan evoluadon.

Por doni nur unu ekzemplon: hodiaŭ estas ne plu tiel sensignifa ol iam, se suker- aŭ bakvaroj, nutraĵoj aŭ aliaj delikataj varoj, kiuj jam suferas per nura tuŝado, kiel multekosta tolaĵo, tualetartikoloj, tabako ktp. estas ofertataj en pakaĵo aŭ ne. La pli edukata publiko prave protestas hodiaŭ pli multe ol antaŭe, se la bakvaroj en kafejo estas forlasataj al la polvo kaj al la makulado per insektoj. La sinjorinoj vizitos apenaŭ por la dua fojo sukerejon, se ili konstatas, ke la torto estis en malbona aero aŭ gustas je tabako.

Do, oni rimarkis jam de ĉiam, ke prudentuloj enpakigis tiajn varojn el higienaj kaŭzoj, sed la intenco de la paperpakaĵo estis do atingata nur tre senperfekte, ĉar la varo estis ne plu videbla. Certe oni fabrikis diversajn materialojn, inter ili kelkajn, kiuj estis pli aŭ malpli, sed neniam perfekte travideblaj; sed materialo, kiu plenumis samtempe ĉiujn pretendojn al denseco kaj higieno restis ĉiam ankoraŭ problemo.

Materialo, kiu tute plenumas tiujn ĉi altajn kondiĉojn kaj plue eĉ nobligas la varon, donante al ĝi allogan, kaj aĉetinstigan aspekton, kaj kiu posedas samtempe altbrilon, estas elpensita nur en la nuna tempo per substanco nomata „Cellophan" (Celofano). Ĝi estas rilate travidebleco ne distingebla de vitro, sed ĝi posedas vid- al vide al vitro tre gravajn avantaĝojn. Celofano estas rompfirma, fleksebla, liverebla de haŭt- ĝis kartondikeca, kaj estas havebla aŭ en folioj kaj pli malgrandaj formatoj aŭ en formoj de pretaj pakaĵoj, kiel saketoj kaj skatoletoj. Celofano estas liverebla kun glata, altbrilanta aŭ kun iom malbrila, konstanta stampe-reliefigata surfaco, kaj, aŭ senkolra (vitraklara) aŭ en diversaj koloroj.

La uzebleco estas preskaŭ senfina. Ĝi estas jam trovebla en formo de saketoj por silkŝtrumpoj, tolaĵo, kafo, teo, tabako, nutraĵ- kaj ĝuaĵoj de ĉiu speco, suker- kaj bakvaroj, speciale je pakmaterialo por ĉokoladtabuloj, plue por sapoj, parfumoj, kosmetikoj, tualetartikoloj, je ŝirmaĵo en la libro- kaj arto-komerco, por poŝtmarkoj, lumŝirmiloj ktp. Speciale ĝi estas rekomendata je netrairebla materialo por grashavantaj varoj. Celofano estas ankaŭ bona materialo por ekspozicioj (Esperanto-ekspozicioj!) kontraŭ makulado aŭ difektado.

Kiel jam diras la nomo, Celofano estas travidebla produkto el celulozo, do de vegetala origino; ĝi estas en neniu rilato kun celuloido kaj kun gelateno, kiuj devenas konate el animala materialo. La vojo de la celulozo ĝis la kompleta Cellophan estas longa kaj penega. Simile kiel ĉe arta silko ĝi kondukas tra fluidaĵo de viskozo, kiu estas malfluidigata en elsoviga bano, tio estas, ke tiu ĉi manipulacio igas haŭteton. Tiu ĉi viskozo-haŭto estas de nove purigata en genie konstruata maŝino, blankigata kaj fine sekigata, per kio ĝi ricevas sian vitroklaran travideblecon.

Pro ĝiaj diversaj uzeblecoj ĉiu persono devus koni ĝin. Ĝi vere estas la materialo, kiu konvenas senreste al la hodiaŭa alta kultura postulo je higiena unuaranga neriproĉebla pakaĵo. La solfabrikanto de tiu ĉi ideala pakmaterialo, la firmo Kalle & Ko., Akcia societo en Wiesbaden-Biebrich a. Rhein (Germanujo), estas volonte preta, sendi al interesuloj senpage specimenojn kaj prospektojn. *tel.*

# REKLAMO

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Azio.

**Bojolali** (Javo, Nederlanda Indio). S-ro Siswosoedirdjo, Tjepogo, L, PK, PI.

### Belglando.

**Bruxelles.** S-ro Victor Lamberts, 286 Bd. Lambermont, PM, ankaŭ neuzitaj, sendas PI (bfl) kontraŭ neuzitaj PM.

**Liège.** S-ro Raymond Kiere, 1 Cité Théwis, L, PI bfl, PM kĉl.

### Britlando.

**London W. C. 1.** BM|DYBR, L kĉl., esperante, france. Ne sendas PM.

### Bulgario.

**Golemo Selo, Kazanlik.** S-ro Marko G. Markov, L, PK, PI kĉl. pri diversaj temoj.

**Popovo.** S-ro I. Markov, PI, L kĉl.

**Petriĉ.** S-ro Andon N. Sandakĉiev, L, PK.

### Ĉeĥoslovakio.

**Georgswalde.** S-ro Ant. Fabich, Pianofabrik Scholze, PI, L kun foto, prefere kun knabinoj kĉl.

**Horni Cerekve.** S-ro T. Pavlíček, Horni Ves 85, sciigas ŝanĝon de adreso, nova estas: S-ro Tomáš Pavlíček, Via di cirkonvalazione 4, Merano, Italio.

**Lichtenstadt 156.** S-ro Rudolf Reinwarth, PI, naciaj kostumoj, fotoj.

**Öröš.** F-ino Maria Pál, p. Velky Géres, ž. XX, L kĉl. kun kleraj gesamideanoj, prefere kun malnovaj esperantistoj.

**Sezemice.** S-ro Balcar, PI bfl, amikaj, komercaj, muzikaj temoj, filatelio, PM, sendas PM kontraŭ PI, en ĉeĥa, germana, franca kaj esperanta.

### Ĉinlando.

**Shanghai.** S-ro Rockson Cheh, Cable Dept., Chinese Telegraph Adm., kolektas bild-kartojn de cigaredo-skatoloj kĉl. kontraŭ ĉiaj objektoj samvaloraj el Ĉinio.

### Estonio.

**Viljaudi.** S-ino Erna Talts, Lossi t. 24, kĉl., precipe kun hispanoj.

**Viljaudi.** S-ino E. Jackson, instruistino, Lossi t. 24, precipe kun angloj kaj amerikanoj.

### Franclando.

**Colmar.** S-ro P. Schreiber, 2 Rue Turenne, PM, PI ne sendas unue, ĉiam respondas.

### Germanio.

**Deggendorf bei München.** S-ro Anton Brandl, L, PI kĉl.

**Heida bei Riesa.** F-ino Elisabeth Fichtner, PI, L pri komencinstruo.

**Hannover.** S-ro Nowak, Selmastr. 6, PI bfl, L kĉl. Certe respondas.

### Hispanio.

**Oviedo.** S-ro Vicente de la Vallina, fraŭlo, studento, Strato Santo Domingo 11-1°, L, PM, PI bfl kĉl., certe respondos.

### Italio.

**Moncalieri** (Torino). F-ino Anna Zanchi, instruistino, PI kĉl.

### Japana Imperio.

**Mieken.** S-ro Yoshimi Hayashi, 511 Hazemura, Ichishigun, L, PI kĉl.

**Osaka.** S-ro Kazuo Nakamura, 361 Abenocho, Sumiyoshi-ku, PM, PI kĉl., skribu tre legeble.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

**Breda.** S-ro C. Diepstraten, Teteringschen Dyk 60 E, L, PI kĉl.

**Den Haag.** S-ro A. Pont, poŝtisto, Hasebroekstraat 102, PI bfl kĉl. kiel presaĵon, ĉiam respondas.

**Venlo.** S-ro P. Pypers, Stalberg 144, PM laŭ Yvert-Tellier 1927 kun progresintaj kolektantoj kĉl.

### Rumanio.

**Brasov.** S-ro Emilo Bokor, lernanto, Str. Puscasilor N-ro 4, kun ĉinaj, japanaj kaj ĉiuj gelernantoj. Respondo certa.

**Brasov.** S-ro Jozefo Gorbai, lernanto, Str. Lunga 25, kun svedaj, hindaj kaj japanaj gelernantoj. Respondo certa.

**Silistra.** S-ro G. N Georgiev, vicdel. de UEA, Str. V. Alexandri 7, PI, L, PM kun neeŭropanoj.

**Silistra.** S-ro V. Nikolov, lernanto, Str. Bulgara 7, PI bfl kun neeŭropanoj.

**Silistra.** S-ro N. Nakov, studento, Str. Princ. Nicolae N-ro 27, L, PI kun gejunuloj, precipe gejunuloj.

### Svedio.

**Arviken.** S-ro Oliver Lövgren, instruisto, PI kĉl.

**Gävle.** S-ro Harald E. Norgren, S. Centralgatan 11, PM, PK (tutaĵoj) kĉl. kontraŭ kvanto aŭ laŭ mankolisto, Yvert 1927. Ne sendas unue, nepre respondas.

**Gävle.** S-ro Uno Lindberg, Hattmakaregatan 27, PK, L kĉl. pri temoj ĝeneralaj. Nepre respondas.

**Gävle.** S-ro Karl Almgren, Arbetshusgatan 55, PK, L kĉl. pri ĉiuj temoj. Nepre respondas.

**Gävle.** S-ro Gustaf Eriksson, Johannelund, Sätra, PK, L pri temo laŭdezira. Nepre respondas.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Artepresitaĵn poŝtkartojn.** Esperantista grupo Wiener-Neustadt aranĝos poŝtkart-vesperon por siaj lernintoj kaj petas ĉiulandajn korespondemulojn sendu artepresitaĵn PK. Rekompence ĉiu sendinto ricevos belan PI de ĉi tie, afranku bfl. Ankaŭ PM ni interŝanĝos. Adresu al Kurt Benzien, Aŭstrio, Wiener-Neustadt, Emmerberggasse 5.

**Best-rajtoj.** Legu libreton „Déclaration des Droits de l'Animal". Bibliothèque André Gérand, Port St. Marie, Lot et Garonne, France. Afrankite: 4 fr. fr.

**Edukistoj** esperantistaj vizitontaj la Kongreson de la Edukistoj-Asocioj en Toronto la venontan Aŭguston, bonvole sciigu E. J. Bengough, McMaster University, Toronto 5, Kanado.

**Edziĝo.** Mi korespondus kun edzinigebla esperantistino inter 25 kaj 36 jaroj. Signo: „Sana, serioza, prudenta 27864" al Teritoria Oficejo de UEA en Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio.

**Filantropoj** helpu al 78-jara esperantistino, kiu iam mem helpis, sed nun tute malriĉiĝis. Monon aŭ objektojn sendu senpere al S-ino Emilie Grönberg, Domo de K. Brett, Elva, Estonio.

**Filatelio.** Iu, kiu sendos al mi 50—200 indajn PM de sia lando, ricevos samvalorajn PM de Anglujo kaj kolonioj. Adr.: S-ro H. Gainsborough, 37, Tenterden Road, Addiscombe, Surrey, Anglujo.

**Karakterpriskribado** el manskribo, prezo UEA-bileto de 5 sv. fr., 1 dolaro aŭ samvaloro: F-ino G. de Waart, Box 23, Hilversum, Holland. Sciigu sekson, aĝon, naciecon. Rekomendita respondo.

**Komercan reprezentadon!** Mi serĉas ĉiulande ankaŭ transmare fidindajn reprezentantojn. Plej granda laborkampo. Kontentiga profito garantiata. Malofta ŝanco! Por specimeno kaj oferto sendu poŝtmandate 50 ĉeĥajn kronojn al S-ro Johann Zullig, Georgswalde Ĉeĥoslovakio, Bohemio.

**Maŝinfako.** Korespondadon per PI, L laŭ temo maŝinfaka deziras Paul Bröther, Bad Warmbrunn, Seitenweg 7, Germanujo.

**Okupo.** Por perfektiĝi en la franca lingvo serĉas okupon en franclingva fremdlando 20-jara ĉeĥoslovako, librotenisto kaj ĉeĥo-germana korespondisto. V. Drašnar, Nový Hrádek nad Metují, Ĉeĥoslovakio.

**Peto!** Juna dana esperantisto (20-jara) serĉas eksterlandan oficon ĉe komercfirmo, instruinta en la lignokomerco. Parolas angla, germana kaj esperanta. Postulas nur malpli grandan salajron (por vivteno) kaj povas vojaĝi kiam ajn. Mi tre volonte donas ĉiujn klarigojn al tiuj, kiuj eble helpos min. Antaŭe kore dankas Cajus Jacobsen, Ejgaardsvej 2, Charlottenlund (Danmarko), membro de UEA N-ro 28305. Referenco: S-ro Chr. Heilskov, Rygaardsallé 78, Hellerup, Danmarko.

**„Policisto".** Kompletaj jarkolektoj de „La Policisto" post la milito estas serĉataj. Ni ankaŭ interesiĝas pri unuopaj numeroj. Sendu prezoferton al Biblioteko de UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

**Psikaj** neordinaraj aperoj, telepatio, fantomoj estas kolektataj por publikigo. Kiu tion spertis bonvolu skribi, sub sia nomo aŭ pseŭdonomo, la raporton. Diskreteco garantiita. Adresu: J. Engledow, 74 Trinity Rise, Tulse Hill, London S. W. 2.

**Reprezentado.** Mi laborus komisie en nordaj provincoj por gravaj firmoj. S-ro Antonio Jimenez Mora, del. de UEA, Argüelles 3°—1°, Oviedo, Hispanio.

**Samideanoj helpu!** S-ro Josef Buka, membro de UEA, ŝuisto en Nymburk, ulice 28, října 1094, deziregas elmigri kien ajn el Ĉeĥoslovakio. Skribu, kiu povas trovi okupon por li.

**Stenografio.** Kiuj samideanoj bonvolas disdoni senpagajn prospektojn pri „Stenografio por esperantistoj" inter gesamideanoj en sia loko? Kiom da ekzempleroj mi povas sendi al vi? Por vi mi kunsendos belan bildkarton pri la plej granda nederlanda fervojponto. Adresu: S-ro B. P. Roubos, del. de UEA, Noordendy 90, Dordrecht, Nederlando.

**Svedo** 23-jara deziras ian ajn okupon en eksterlando. Bonaj referencoj pri gimnaziaj studoj, arbarista praktiko kaj kontorlaboroj. S-ro G. Mattson, Ramsele, Svedio.

**„Tutmonda interkonsento de la salajruloj".** Por akiri informojn skribu al S-ro K. Behrle, Liebigstr. 35, II, Berlin O 112, Germanio.

ESPERANTO-PRESEJO PAUL GÖRING, MAGDEBURG-N.